# juna amiko

SEPTEMBRO 2009

N-ro 2/2009 (125)

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



Finita la vojaĝo
Bezono por kuraĝo
En streb' sekeco-solva
Per peto pun-absolva
El pek' kaliko-rompa.

Magiista gesto pompa
Sorĉo-fraz' proklama
Jen spektaklo flama.
Rezulte de la sorĉo
Fajro floras kiel torĉo.

Bezonata pli ol belo
- Savo el malhelo
Por eskapi de l' malbeno
De akvoput-malpleno.

Ne fajro estas manko
Sed alia elemento
Pro akvo sekvus danko
Kaj sorĉo de torento.

smg



Supren tra la neĝo li grimpadis. En la ombro de la monto-pinto videblis la dometo de la sorĉisto. Majesta leon-simila figuro staris antaŭ la pordo. Kuraĝe la junulo proksimiĝis kaj parolis al li:

"Saluton! Ĉu vi estas membro de la ŝorĉista familio Depane?"

"Efektive, mi estas Dimitri Depane." li respondis.

"Pardonu mian ne-anoncitan alvenon. Mi nomiĝas Kay. Via antaŭulo, eble via patro aŭ onklo, iam vizitis nian vilaĝon meze de la granda dezerto. Li estis vundita pro falo de sia ĉevalo, kaj ne kunhavis sufiĉajn herbaĵojn por resanigi sin. La vilaĝanoj trovis lin kaj reportis lin al la oazo kaj prizorgis lin. Por danki tion, li donis al ni sorĉitan kalikon, kiu helpis al la vilaĝo ĉiam ricevi sufiĉan akvon el la puto por la vivo."

"Mia patro Revo vizitis tiun dezerton, kaj li rakontis al mi multajn aventurojn el sia vivo, sed neniam mi aŭdis ion tian."

"Mi tamen petas vian afablan helpon. La vilaĝanoj metis la kalikon, laŭ la instrukcio de via patro, en niĉon rande de la puta muro. Sed, iutage, kiam mi provis ĉerpi akvon, mi glitis kaj falis en la puton. Mi estis vundita kaj mi laŭte kriis, sed neniu aŭdis tion. Do, mi komencis grimpi supren mem. Sed duon-voje mia piedo trafis la niĉon kaj elbatis la kalikon. Ĝi falis, frapis kontraŭ iu elstaraĵo, frakasiĝis en etajn pecojn – mi aŭdis ilin fali en la akvon."

"Sekve la puto sekiĝis?" demandis Dimitri, jam sciante la respondon.

"Jes, ene de kelkaj tagoj. La vilaĝanoj elpelis min, ke mi revenigu al ili akvon. Ĉu vi povos helpi min? Ĉu eble vi povas doni novan kalikon, por refluigi la akvon?" espero-plene demandis Kay.

"Tion mi ne povas fari. Sed mi donos al vi ion alian; se vi uzos ĝin lerte, vi povos forigi la malbenon kaj refluigi vian akvon."

"Kiel mi faru tion? Kion vi donos al mi?"

Sorĉisto Depane gestis ĉe la mano – subite el la man-plato ŝprucis fajro.

"Mi donas al vi sorĉitan fajron. Vi devas iri al kavernoj en la apuda monto-pinto; tie vi trovos dormantan rokegon. Uzu la fajron por veki tiun ŝtonan monstron kaj forigi ĝin, ĉar ĝi blokas la fluadon de subtera rivero kiu poste fluas sub la dezerto kaj donas al via oazo sian akvon."

"Kiel la ŝtonego sukcesis bloki la fluon de la rivero?"

"Ĝi delonge volis fari tion, sed la kaliko malhelpis ĝian malbonan intencon. Tuj kiam rompiĝis la kaliko, ĝi povis faligi sin en la riveron kaj tie trankvile endormiĝi. Via tasko estas veki kaj dispecigi aŭ forigi ĝin."

Kay akceptis la flamon kaj turniĝis al la monto-pinto kie li ĵus alvenis.

# Nia ofero!





**Vortklarigoj por la poemo sur paĝo 2**

*strebo:* lukto, klopodego, provo
*puno:* malbeno ricevita pro malbonaj agoj.
*peko:* malbonaĵo kiun oni faras.
*absolvo:* pardon-peto el la peko-puno.
*gesto:* signon farita per la mano
*torento:* grandega fluo de akvo.

**Vortklarigoj por la rakonto sur paĝo 3:**

*majesta:* impona, grand-aspekta
*vundita:* dolorigita
*oazo:* loko en dezerto kiu havas akvon
*instrukcio:* ordono, gvido, klarigo
*niĉo:* enstaraĵo, kiel truo en muro.
*puto:* loko kie oni povas tiri akvon de sube.
*elpeli:* forigi, puŝi for
*ŝpruci:* elflui, kiel akvo el fontano
*kaverno:* truo en monto

Prononco de Kay: kiel 'kaj' en Esperanto.

# ĈU LUDI AŬ NE ?

## Ne forgesu ludi !

„Ne ludu ĉiam! Vi jam ne estas infano". Oni ofte aŭdas tiun atentigon, averton, kvazaŭ ludo estus malutila aŭ rekte danĝera agado. Plenaĝulo ofte forgesas, kiom li / ŝi povas danki al diversaj ludoj. Dank' al ludado oni lernas iri, kuri, preni, kapti, ĵeti, grimpi, rampi, kanti, eĉ paroli. Prezentu al vi, kion infaneto ellernus sen ludado.

Ludi estas lerni, alproprigi iun kapablon, sed neniam kun nura imito de la vidita, vidata okazaĵo, sed ĉiam kun la aldono de siaj deziroj kaj fantazio. Sen ili ludi ne estas interese kaj ĝojige. El tio sekvas, ke kion vi lernas per ludo, tio restas en vi firme, ofte neforigeble. Ĉu vi pensis jam pri tio, kial la gepatra lingvo fiksiĝas pli firme kaj kial ĝi havas multe pli da emocioj, nuancoj ol la ceteraj lingvoj, alproprigitaj el libroj en diversaj kursoj aŭ lernejoj? Sendube pro tio, ke vi lernis ĝin ludante kun la gepatroj, gefratoj kaj geamikoj. Oni devas ellerni ne nur vortojn, sed multajn frazeologiajn esprimojn, kiujn laŭvorte traduki en aliajn lingvojn ofte ne eblas, ĉar tie ili ne ĉiam havas la saman sencon.

Mi prenas nur unu ekzemplon. En esperantista familio, kaj nur tie, povis okazi la sekva epizodo. La patro ludis kun sia tri-jara filineto, Marinja. Li diris: *Marinja, ĉu vi scias, kiu besteto estas la plej fiera? Kato. Ni provu nian kateton. Voku ĝin!* Kaj kiam ĝi alvenis, la patro demandis al ĝi: ĝi: *Kiu estas la plej bela? – Miaŭ, miaŭ –,* respondis la kateto. La patro diris: *Nu, ĉu vi aŭdis? Ĝi diris: mi aŭ, mi aŭ... Ĝi ĉiam sin trovas la plej bela, similan al si ĝi ne trovas. Nun demandu vi, Marinja.* Kaj nun ŝi demandas: *Kiu estas la plej saĝa? – Miaŭ, miaŭ...Kiu estas la plej aminda? – Miaŭ, miaŭ.*

Ĉu vi vidas, eĉ unu-foje ĝi ne diras, ke „vi aŭ panjo", ĉiam „mi aŭ mi aŭ"; ĝi neniam trovas iun pli belan, ĉarman, bonan. Marinja respondis: – *De nun, kara kateto, vi havos la nomon: „Viaŭ".*

*Geza, Stefan*

| KVINO KVIZO<br>Stefan MacGill | **Legu la rakonton, (eventuale kovru la tekston) kaj respondu la kvin kvizo-demandojn. Kontrolu viajn respondojn kaj kalkulu viajn poentojn!** |
| --- | --- |

# Alportu fiŝojn!

Gasto en ne tro bona restoracio petas al kelnero kiu ĵus aperis el la kuirejo: "Portu al mi la fiŝ-pladon kun karotoj."

Alia gasto ĉe la najbara tablo krias al la sama kelnero, "Portu la saman pladon al mi. Sed la fiŝo ne estu mis-odora."

La kelnero aŭdas la mendojn kaj reiras al la kuirejo. Li krias laŭte al la kuiristo, tiel ke la gastoj aŭdu: "Du fiŝ-pladojn pretigu! Kaj unu el ili ne mis-odoru!"

---

## ❶ Tasko unu: via sumo el dek poentoj: ☐

*Ĉu la sekvaj frazoj estas veraj, neveraj aŭ ni ne povas certe scii el la rakonto?*

1. Estas du kelneroj en la rakonto.
2. Estas du gastoj en la rakonto.
3. La gastoj mendas fiŝ-supon.
4. La restoracio estas ne tro bona.
5. La gastoj legas menuojn.
6. La kuiristo krias al la kelnero.
7. La gastoj ne aŭdas la kriadon.
8. La kelnero mis-odoras.
9. La du gastoj sidas ĉe najbaraj tabloj.
10. La kuirejo estas en la malantaŭo de la restoracio.



## ❷ Tasko du: via sumo el naŭ poentoj: ☐

*Serĉu vortojn kun la sama signifo kiel la unua. Plejofte vi trovos nur unu, sed dufoje vi povos trovi du sam-signifajn vortojn (sinonimojn).*

| | |
|---|---|
| Pretigu: | preventu, preparu, prezentu, preterpasu |
| Ne tro bona: | malbrila, ekskluziva, dub-kvalita, elstara |
| Saman: | identan, similetan, alispecan, simian |
| Najbara: | apuda, ĝena, malproksima, tuŝanta |
| Gasto: | vizitanto, kliento, servanto, kuiristo |
| Plado: | pleto, manĝaĵo, manĝejo, manĝanto |
| Restoracio: | manĝaĵo, manĝejo, manĝanto, manaĝero |

## ❸ Tasko tri: via sumo el naŭ poentoj: ☐






**Horizontale →**

2. Se la gasto estus pli ĝentila, li dirus: "Bonvolu ____ al mi la fiŝ-pladon!" (5)
5. Pri la plado li aldonis: "_____ ĝi ne estu mis-odora." (3)
6. La kelnero aŭdas la mendojn kaj ___iras al la kuirejo. (2)
7. Tio per kio la bildigita besto vidas. (3+5)
9. Oranĝkolora legomo, petita de la unua gasto. (6)
10. Tio brilas dum la tago kaj videblas ĉe *unu vertikale*, se la vetero estas bona. (4)

**Vertikale ↓**

1. La blua loko super niaj kapoj, kie brilas *dek horizontale.* (5)
2. La kelnero _____ al la kuiristo prepari du fiŝpladojn. (5)
3. Li krome atentigas, ke unu el ili ne mis-_______. (5)
4. Speco de river-fiŝo, kiun homoj ŝatas manĝi. (5)
5. Ujo. Objekto en kiu oni povas pli facile porti aliajn objektojn. (3 R)
8. Havas scion pri io. Klare la gasto ne ____as la reputacion de ĉi tiu restoracio. (3 R)

*Skribu la literojn kiuj aperas en la numeritaj kvadratoj en la enigmo sube por trovi la kaŝvorton.*

La kaŝvorto montras kun kio kelneroj foje alportas pladojn:

☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐

2 6 3 7 6 9D 5 4 3

(9D = skribu la literon kiu okupas la kvadraton tuj dekstre tiu kun 9.)

## ❹ Tasko kvar: via sumo el ok poentoj: ☐

*Kiu respondo estas ĝusta: A, B, C aŭ Ĉ?*

| | | A | B | C | Ĉ |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | La kelnero _____ la mendojn. | laŭdas | aŭdas | aŭskultas | ignoras |
| 2 | Kiu el la sekvaj ne estas fiŝo? | truto | ezoko | ŝalmo | haringo |
| 3 | Gasto en ne tro ______ restoracio... | granda | bona | malnova | laŭta |
| 4 | Antaŭ la komenco de la rakonto, la kelnero estis en la... | kuirejo | manĝ-salono | fridujo | forno |
| 5 | La kelnero kriegas _____ al la kuiristo. | raŭke | paŭte | laŭte | flustre |
| 6 | La fiŝo ne estu _________. | mis-odora | mistera | misirinta | mistika |
| 7 | Li kriegas, _____ la gastoj aŭdu. | tial, ke | tiel, ke | sen ke | pro ke |
| 8 | ____ gasto krias al la ____ kelnero... | Alia, alia | Sama, sama | Sama, alia | Alia, sama |

*Trovu kaŝvorton, kiun oni uzas en ludo, kaj nenie aperas en nia rakonto! Uzu la komencliterojn de la ĝustaj respondoj laŭ la numeroj. Du literojn ni jam donacas al vi: U kaj O. Sukceson!*

2 8 4 7 1 3 U 5 O

## ❺ Tasko kvin: via sumo el dek kvar poentoj: □

*Sube estas lokoj por kvin vortoj el la rakonto. Ni donas la literojn, sed en malĝusta ordo. Malmiksu la literojn kaj skribu ilin en la kvadratojn kaj cirklojn. Poste, prenu la literojn en la cirkloj, rearanĝu ilin kaj uzu ilin por formi la sekretan frazon.*

| | |
|---|---|
| S A K R E G I | ○□○○□□□ |
| T R U P O | □□○□○ |
| D O Ŝ A F P L I | ○○○□□□□□ |
| J A R A B A N | ○□○□□○□ |
| O R A T O R S C I E | □○□○□□○□□□ |

Jen du vortoj kiuj informas kiel gastoj ŝatas siajn manĝojn:

○○○○○ ○○○○○○○○○!

*La ĝustaj respondoj aperos en numero 2009/3 de nia revuo. Se vi estas senpacienca, rigardu pli frue en www.lernu.net. Iru al la biblioteko kaj elektu la ligon al* Juna amiko. *Vi trovos ekde decembro tie la respondojn. Via rezulto:*

| □ | + | □ | + | □ | + | □ | + | □ | = | □ | = | □% |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| el 9 | | el 10 | | el 9 | | el 8 | | el 14 | | el 50 | | el 100 |

Por kalkuli la elcentaĵon (%), obligu vian sumon el kvindek per du.

### Bonuso pro diligenta plenumo de la kvizo:

**Gasto:** Kelnero! Mi trovis aŭdo-helpilon en mia supo!
**Kelnero:** Kio?

### Bonuso pro diligenta plenumo de via vivo:

**La kosto de *Juna amiko* restos sama por 2010 kiel en 2009!**

# Kompreni komputilojn

Komputilo estas maŝino kiu solvas por ni problemojn. Ĝi kapablas ankaŭ starigi al ni problemojn. Komputilo povas funkciigi programojn; tiuj donas al la komputilo serion da instrukcioj, kiujn ĝi devas plenumi.

Dum ĝi plenumas ilin, vi vidas sablo-horloĝon kaj eventuale esprimas iun opinion pri la utileco de via komputilo:

La instrukcioj devas esti tre precizaj, ĉar komputilo ne funkcias kiel homo, kiu povas imagi kion oni deziras el malprecizaj informoj. La komputilo faras precize tion, kion oni petas al ĝi. Do, ne la komputilo 'eraras', sed temas pri programo kiu ne estis surfiĉe klara, aŭ kiu donis kontraŭdirajn ordonojn. Povas ankaŭ okazi, ke du aŭ kelkaj programoj donas kontraŭdirajn ordonojn.

Se komputilo enuas, ĝi povas por amuzi sin kraŝi aŭ frostiĝi. Tiukaze, vi ĉiam elektas ne informi la fabrikinton de la operacia sistemo pri la problemo. Se vi ricevus dek cendojn ĉiufoje kiam vi elektis ne raporti kraŝon, vi estus pli riĉa ol la reĝino de Britio.

Komputilo havas monitoron , muson , klavaron kaj eble modemon. Per multa mono vi povas aĉeti ankaŭ mikrofonon aŭ kameraon kaj laŭt-parolilojn kaj kap-aŭskultilojn . Tiel vi povas babili kun amikoj aŭ aŭskulti muzikon aŭ rigardi filmojn.

Iloj por transigi datumojn estas disketoj (jam malnovaj), diskoj (muzee malnovaj), kompakt-diskoj , DVD-diskoj, PEN-stangoj kaj lokaj retoj (LAN) . Eblas ankaŭ sendrate transigi datumojn.

Per ankoraŭ pli da mono vi povas aldoni printilon , skanilon kaj faksilon.

Oni povas sendi ret-poŝton kaj ligiĝi al la Tut-Tera Teksaĵo .

Oni povas serĉi aferojn en unu aŭ multaj dosieroj. Ĉu oni trovas, kion oni serĉas estas alia afero. Precipe se oni serĉas feliĉon, siajn okulvitrojn, aŭ la sencon kaj esencon de la vivo.

 Ikono estas bildeto sur ekrano kiu prezentas iun funkcion kiun oni povas aktivigi. Programoj kaj dosieroj havas ikonojn. Oni klakas ikonon por funkciigi programon aŭ por malfermi dosieron en konvena programo. Sed ĉiam post averto kiom danĝere povus esti funkciigi programon aŭ malfermi dosieron!

Por postuli plenumon de ordono, oni elektas eron el menuo, aŭ el submenuo. Se menua teksto finiĝas per tri punktoj, ĝi gvidas al dialoga kesto. Tio permesas al vi interagi kun la programo, ekzemple pere de:

 teksto-kestoj, kie vi povas libere entajpi tekston.

 elekto-kestoj, kie vi povas elekti unu eron el listo kiu aperas.

 kombino-kestoj, kiuj kunigas la du suprajn erojn: vi rajtas elekti eron aŭ (se vi trovas neniun utilan oferton) entajpi la propran tekston. Ekzemple, se temas pri informo pri aĝo, la ofertoj povas esti: 0-15, 16-39, 40-64 kaj 65 kaj pli. Vi rajtas entajpi 'Eterne juna en la koro'.

 hoko-kestoj por decidi ĉu JES aŭ NE. 'Eble' ne estas ebla.

 radio-butonoj, por decidi ĉu elekto 1, 2, 3 aŭ 4 estas dezirata.

La programo proponas elektojn kaj preferojn. Elektoj permesas al vi tuj fari ion nedeziratan, dum preferoj estas pli longdaŭraj – per ili vi povas ripete fuŝadi. Se vi finfine arigis kolekton da elektoj kiuj plenumas plimalpli tion, kion vi deziras, vi povas savi tiun kolekton en nomitan dosieron, por pli rapide restarigi viajn elektojn poste, kiam vi devas plenumi similan taskon. Sufiĉas nur muso-klaki sur la elekto-dosieron, kaj ĉio estas preta.

 Jen la butono kiun vi neniam, **neniam** puŝu, eĉ en plej senesperaj momentoj. Ĝi malfermas la help-sistemon. Kiom ajn misorientita vi estas, la help-sistemo nur kreskigos vian deprimiĝon kaj vian malkapablon kompreni kial la komputilo rifuzas obei viajn dezirojn.

## Horizontale →

1. Diras laŭte. Se komputilo ne obeas min, mi ____as al ĝi. (3 R)
4. La parto de komputila sistemo, kie oni vidas tekstojn kaj bildojn. (6)
7. "Mi estas membro de tiu babilejo. Se ankaŭ vi ekestos ____, ni povos kune babili!" (3)
8. Mi vizitas komputilan klubon ĉiusabate. ____u kun mi foje! (3 R)
9. Supreniras en montaro. (7)
11. Modemo estas foje enkonstruita en komputilo, foje ĝi estas ______ ekstera kesteto, kiu daŭre kaj pulse lumas tra la nokto por ke vi ne trankvile dormu. (6)
13. Aparato kun besta nomo, per kiu oni movas kursoron sur la komputila bildigilo. (4)
14. Mi kaj mia frato krozas ĉe la reto; ___ faras tion ĉiutage. (2)
16. Antaŭ M, malkuraĝo, antaŭ P, speco, antaŭ G planta subtenilo, post F, bildigi, post L hazard-ludi, post N mallonge skribi, post V solene promesi. (2)
17. La nova viruso atakis milojn da komputiloj ____ tagmezo en la unua de aprilo.
18. Vorto kiu foje signifas 'fajlo' (angle 'file') kaj foje tenujo por fajloj pri komuna temo sur komputila disko, (angle: 'folder'). Espereble ni iam konsentos precize kion ĝi signifas! (7)
21. Densiga substanco, prenata el terpomoj, tritiko kaj simile, uzata por rigidigi tolaĵojn. (4 R)
22. "Ĉi tiu komputilo restos neuzebla, ĝis vi senvirus___os ĝin." (2)
23. Programo aperas en fenestro, sed programisto envenas tra ______. (5)

## Vertikale ↓

1. La aparato per kio oni entajpas tekstojn por ke ili estu sekure konservitaj (storitaj) en komputilo. (7)
2. Bildeto sur komputila bildigilo, kiu estas simbolo por programo, program-parto aŭ fajlo – se oni klakas sur la bildeto, tio funkciigas la programon aŭ vidigas la fajlon – aŭ faras ion, kion vi ne atendis. (4R)
3. "________ subtaksu la kapablon de komputila programo fari ion kion vi ne volis, ne povis eĉ imagi aŭ kapablas nek kompreni, nek ripari." (6)
5. La maŝino, kiu estas la temo de ĉi tiu kruc-enigmo.
6. Loĝejo por birdo. Unu komputila programo povas ____iĝi en alia – tiel ĝi fariĝas help-programo por la gastiga programo. (4R)
7. Sufikso por grupo. Komputilo de si mem utilas por nenio. Ĝia utilo venas el la program___o, kiun oni metas en ĝin. (2)

**KOMPUTILA KRUCENIGMO**










9. Programoj de unu versio al la sekva iĝas pli kaj pli kapablaj, sed samtempe ili iĝas ĉiam pli ________. Antaŭa versio: 1 MB, nova versio: 3 MB. (7).
10. Kun granda entuziasmo kaj sindediĉo. Komputilaj fanatikuloj ________ aĉetas la plej novajn operaciajn sistemojn kaj la plej novajn versiojn de ĉiuj programoj, kiujn ili konas kaj ŝatas. (5)
12. Longo oble alto. "Estas malfacile plani bonan dialog-keston kun multaj elektoj, pro ĝia limigita ____o." (3R)
15. Iugrade. "Kompreni kiel uzi novan komputilan programon povas esti ____ malfacila. Se vi faros la fatalan eraron konsulti ĝian tiel-nomatan help-sistemon, la tasko riskas fariĝi multoble pli komplika." (3)
17. Orienta ekzercoformo kaj spirita disciplino. "Komputilaj programoj povas esti profunde frenezigaj. Se vi suferis pro tio, estas rekomendinde sekvi kurson de ______ por spirite kaj korpe malstreĉiĝi." (4)
19. La versio de *Windows*, kiu sekvas post *Vista*.
20. Reagi al ŝerco aŭ neatendita evento. La ideo ke nova versio de komputila programo nepre devas esti pli bona ol la antaŭaj estas sendube kaj pruveble ____inda. Kiam kraŝas aŭ frostiĝas via sistemo kaj vi perdas multan laboron, vi povas nur histerie ___i. (3 R)

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO

**Legu la enigmon al etulo, klarigu kiel ĝi funkcias kaj helpu en la kuna solvado!**

Jen perfekta kruc-vortenigmo. Ne timiga. Malgranda kaj tre ĉarma. Neniu nigra kvadrato. Kvar kolumnoj, kvar vicoj, do nur dek ses kvadratoj. Solvu la enigmon!

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 |
| 5 | | | |
| 6 | | | |
| 7 | | | |



***Horizontale →***

1. Baza manĝaĵo, kiun oni faras el muelita tritiko. (vidu la bildon!)
5. Distra, feliĉiga (R). Bona komedio estas _____a.
6. Fizika kaj mensa bon-farto. Tio valoras pli ol mono, laŭ diraĵo.
7. Bebon. Nov-naskiton.

***Vertikale ↓***

1. Preteriri. 'La ŝtormo devus ____ ene de horo.'
2. Daŭra kor-inklino (R). "Romeo, mi ____as vin" diras Julia.
3. Ne la pasinto kaj ne la estonto. La aktuala momento.
4. Gaso kun tri oksigenaj atomoj ligitaj, ĝi troviĝas alte en nia atmosfero, sed en ĝi estas truo, kiu tralasas sun-radiojn. (R)

(R) = Uzu nur la radikon (sen finaĵo). Sendu al ni vian solvon! Skribu vian nomon, adreson kaj aĝon. Ni lotumos premiojn! Sendu al: <stefan.macgill@gmail.com> aŭ al lia stratadreso (vidu fine de la revuo!).



**timo**









Mi estas la plej timema
estaĵo en la mondo.
La leono timas la tigron.
La lupo timas leonon.
Hundo timas lupon.
Kato timas hundon.
Muso timas katon.
Mia edzino timas muson.
Mi timas mian edzinon

Cvi Lowenkopf

Laŭtlegu la poemeton al etulo. Tiu fingro-montru al la konvena bildo kiam ĉiu estaĵo estas nomita.



Kiu besto ne figuras en la poemo?







**LUDE**

LA UNIKA DUA ETAĜO

Rubriko de Monika Molnár



# En la teatro

Ĉu vi trovis la solvon de la lastnumera kapo-rompilo? Ĉu vi konsentas, ke temis pri vere ***granda familio*** ? Ho jes. Kaj niaj amikoj, la Uletoj ricevis inviton al teatra spektaklo. La invito venis de gelernantoj*, kaj aspektis jene:

*Saluton karaj Uletoj! Ni estas gelernantoj de la lernejo La Granda Ursino. Ĉu vi aŭdis jam pri ĝi? Ĝi estas en Svislando, en la urbo La Chaux-de-Fonds. Ĝi estas normala lernejo, kiel ĉiuj aliaj, sed ĝi tamen estas diferenca de la aliaj. Ekzemple, ni lernas ankaŭ Esperanton en la lernejo. Ni multe cerbumis, kion prezenti al vi, kaj finfine ni pensis, kial ne rakonti al vi iomete pri nia lernejo en Esperanto? Ni pentris por vi bildojn, kaj rakontos historietojn per "Kamishibaï", kiu estas japan-devena bildoteatro. Venu spekti ĝin! Ni kore atendas vin!*

Niaj Uletoj ĝoje akceptis la inviton kaj plezure rigardis la bildojn kaj aŭskultis la historietojn. Jen ili:



La lernojaron ni komencas per marŝ-kampadumo por pli bone interkonatiĝi kun la novaj lernantoj kaj ni marŝas dum kvin tagoj. Antaŭ du jaroj, en merkredo, ni alvenis al la monto Chasseral kaj pluvegis tre forte. Estis pene marŝi kaj estis ankaŭ malvarme. Ni decidis ripozi kaj revarmiĝi en la restoracio de Chasseral. Bedaŭrinde ĝi estis fermita ...... pro la malbona vetero. Finfine Anke, unu el niaj instruistinoj, telefonis al iu buskompanio, kiu portis nin al nia tiutaga tranoktejo.



Tiun jaron ni marŝis interalie tra la montopintoj de Chasseral kaj ankaŭ Tête-de-Ran. La vetero vere ne dorlotis nin, sed anstataŭ grumblado, ni - Aïlèn, Lucie kaj Manon - komponis kanton, kiun ni kantis al la tuta grupo la lastan tagon antaŭ la adiaŭo:

*/Laŭ la muziko de "Unu sola vivo" de Gérald de Palmas/*

Kia kampadumo, pluvego kaj inund'
La plandoj surtere kaj la moralo for. Oh...
*R.: Vespere ni mortadas, kaj la bovin' ... pssst!*
*Hundoj bojas nin, kaj la bovin' ... pssst!*
*Matene rekomenco, ho somera kampadumo.*
La vestaĵ' malpezas, la botelo same
La pied' kompotas, sed halti estas malpermesit'. Oh...
*R.: Vespere ni mortadas, kaj la bovin' ... pssst!*
*Hundoj bojas nin, kaj la bovin' ... pssst!*
*Matene rekomenco, ho somera kampadumo.*
Marŝi sur la pintoj, eĉ kun la tempesto
Oh la-la lernejo, sed ĉiam kun rideto. Oh...
*R.: Vespere ni mortadas, kaj la bovin' ... pssst!*
*Hundoj bojas nin, kaj la bovin' ... pssst!*
*Matene rekomenco, ho somera kampadumo.*



Dum nia laboro ofte okazas, ke ĉiuj studas sian propran temon. Tiu studado ĝenerale finiĝas per prelego. En tiu prelego ni prezentas al la aliaj kion ni vidis, spertis, legis. Dum mia prelego mi parolis pri la narvalo. Mi klarigis, ke la narvalo estas granda delfeno kun korno de unukornulo. Tiu korno estas kvazaŭ ebura dento. Inter la aliaj prelegoj temis ankaŭ pri hundo, pri ĉevaloj, pri gumo kaj krajonoj, pri bonbonoj, ktp...

Foje iun pluvan tagon ĉiuj ludis futbalon dum la paŭzo kaj venis la ideo organizi turniron. Ni formis teamojn, kaj eĉ niaj instruistinoj partoprenis ĝin. Unu teamo devis gajni trifoje por la kvalifiko. En la lasta matĉo teamo de knabinoj ludis kontraŭ knaba teamo. Finfine ĉiuj gajnis pro la partopreno en la ludo.





Ĉe ni du-foje semajne estas la gelernantoj kiuj kuiras por tiuj, kiuj manĝas tagmeze en la lernejo. Ni havas kelkajn amuzajn kuirejajn historiojn, kiel tiun ĉi:
Estis la dua fojo, ke Gaëtan preparis manĝaĵon en la lernejo. Li volis fari simplan kukon, nenio estas pli facila ol tio, tamen li sukcesis erari. Anstataŭ meti kvarfoje la saman kvanton de la ingrediencoj, li metis la buteron kaj la ovojn por dek du personoj, sed la farunon kaj la sukeron nur por kvar personoj. La rezulto estis iu spongeca, tre tre grasa kuko.
Alia kuka historio estis, kiam la kuiristo panike vokis Anke, dirante ke la kuko estas en la forno jam de du horoj, sed ankoraŭ daŭre faras blub-blub-blub! Efektive ĝi tion faris. Nu jes, estas iom da diferenco inter du litroj da lakto kaj du decilitroj da lakto... Bonŝance tiaj misaventuroj okazas nur tre malofte, tiel ni nur ridetas pri ili. Ĝenerale la manĝaĵoj estas tre bongustaj.

En vintro kiam ni havas abundan neĝon, ni organizas sport-tagojn ĉiun duan semajnon. Ni iras skii kaj neĝtabuli al «La Vue-des-Alpes». La ski-vojoj tie ne estas tre malfacilaj, do ankaŭ la komencantoj povas amuziĝi kaj progresi. La progresantoj ofte konstruas saltilon. Kun la neĝtabulantoj ni saltas sur tiu ĝibo kaj surteriĝas en la polvneĝon. Mi havas la senton flugi. Estas tre amuze.





Nia skikampadumo kutime estas en Arolla. Tie estas du sinsekvaj skiliftoj, kiuj portas nin supren ĝis 3000 metroj. Louis, la ski-instruisto diris al ni subeniri. Ni subeniris, sed ne nur ĝis la meza lifto, sed ĝis tute suben. Louis serĉis nin je la meza halto, sed ne trovis. Li pensis, ke ni reiris supren. Sed ni perdiĝis iomete. Ni multe pripensis, ĉu ni reiru supren aŭ atendu sube dum Louis serĉas nin supre. Ni, Hugo, Sacha, Malou kaj Sami finfine restis sube kaj atendis lin. Daŭris iom da tempo ĝis lia alveno, kaj li estis tre kolera. Kaj li pravis, ni povintus perdiĝi. Ups!



Niaj kampadumoj normale pasas bone, senakcidente. Dum la skikampadumo de *dumil ok mi, Félix havis la malbonŝancon havi* nian solan akcidenton. Estis ĵaŭdo, ni amuziĝis salti sur monteto kaj Monika, nia alia instruistino, fotis nin. Mi estis sur mia neĝtabulo, iris tre rapide kaj abrupte falegis. Venis sekuristoj kiuj suben-portis min. Mi rompis mian brakon. En la hospitalo oni metis ĝin en gipson. Post du semajnoj mi denove falis kaj rompis mian gipson. Mi iris en la hospitalon por reparigi ĝin. Oni rigardis ĝin per radiografio kaj vidis, ke mia radiuso delokiĝis. Oni devis operacii min por meti metalpecon en mian brakon. Ne estis tre amuze.



Dum la vintro ni amuziĝas ofte ekstere. Ni konstruas fortikaĵojn kaj poste ni formas grupojn. Post kiam la fortikaĵoj estas bone faritaj, ni organizas neĝbul-batalon kontraŭ la aliaj grupoj. Estas bonege. Kelkfoje ni brue disputas, sed ne estas grave. En tiuj okazoj ni decidas pri reguloj kaj ne plu estas disputo. Ĉi-jare la vintro daŭris pli ol kvar monatojn, do ni tre longe povis ludi tiun ludon.



Mi, Elena, alvenis en la lernejon antaŭ nelonge. Tuj en la unuaj semajnoj mi sukcesis fari ion, kio ne estas permesata. Temas pri la spiguso. Ĉu vi scias, kio estas spiguso? Malgranda paperpeco, kiun oni ĵetas per kaŭĉuka ringo. Do, mi ĵetis unu tian spiguson sur Jonathan, kaj mi diris: "Ho, pardonu min, mi volis ĵeti ĝin sur Quentin!" Jonathan iris al Monika kaj diris al ŝi kio okazis al li, kion mi faris. Bonŝance Monika kaj Anke ne koleriĝis, kvankam ili povintus. Kaj estis tre bone ankaŭ tio, ke nek Jonathan, nek Quentin koleris kontraŭ mi.



Dum la malferma tago de nia lernejo, ni organizas ĉiam maratonon por finance helpi vivi nian lernejon. Pasintjare pluvis la tutan tagon, kaj eĉ tiel ni devis kuri dum kvardek-kvin minutoj. Post kvin minutoj ni estis tre tre tre malsekaj. Sed finfine estis amuze, kaj ni tre bone kuris. Ĉi-jare la tradicia pluvo estis for. Ni havis tre belan veteron kaj tre belan tagon. Venu foje viziti nin dum tiu tago!



Ĉi-jare nia ĉefa temo estas la nutrado. Kadre de tiu temo ĉiuj havis iun manĝaĵon por studi. Jonathan kaj mi, Anthony, havis la buteron kiel temon, do ni mem fabrikis ĝin. Esther havis la maizon kaj ŝi faris krevitajn maizojn, la tiel nomatajn «pop-korn». Sed ŝi estas ankoraŭ tro malgranda, do por ke ŝi povu rigardi en la kaserolon, ni donis al ŝi tabureton. Dum tiu tempo la aliaj faris panon el terpomo, karamelon, kaj aliajn bonaĵojn. Ĉio pasis bone, nur Sacha tranĉis iomete sian fingron.

Vizitu la hejmpaĝon de *Juna amiko* en la biblioteko de <www.lernu.net>. Serĉu sub 'Gazetoj'. Tie vi vidos la pentraĵojn de la infanoj kolore kaj pli grande, kune kun kelkaj klarigoj.

Antaŭ du jaroj dum iu sporttago ni iris al Neuchâtel por sketi laŭ la bordo de la lago kaj poste baniĝi en ĝi. Kun Sami, Lucie, Manon kaj Jonathan, ni

amuziĝis puŝante unu la alian en la akvon. Tiam venis al mi la ideo puŝi en la lagon Anke, kiu sunbaniĝis sur sia tuko. Ni diskrete iris al ŝi, kaptis ŝin je la brakoj kaj la piedoj kaj ni ĵetis ŝin en la akvon. Monika eternigis nian ŝercon per sia digitala fotilo. Anke ridis kaj diris «Haltu! Haltu!» Do, ni lasis ŝin en la akvo. Ni ĉiuj tre bone ridis.





En junio ni estas for de la lernejo por unu semajno. Dum tiu semajno ni multe sportas kaj preparas nian jarfinan spektaklon. Ĝenerale ni iras al la farm-domo en La Cernie, kie oni ĉiam tre bonkore akceptas nin. Tie ni kuiras ĉiutage sur bivakfajro kaj nokte dormas en la fojno. Unu nokton ni havis la viziton de unu de la farmdomaj katoj, kaj ĝi forte ronkis. Aïlèn forpuŝis ĝin, sed la kato ĉiam revenis sur ŝin. Aïlèn vere volis dormi, do ŝi ĵetis la katon iomete pli forte, kaj ĝi alvenis ĝis la muro. Ups! Anke grumblis, ke ni tro bruas. Sed ne estis ni, estis la kato, kiu post du minutoj denove estis inter ni! Ni bone amuziĝis.



Ĉiujare por fini la lernojaron ni prezentas spektaklon. Pasintjare nia grupo kreis historion en kiu du infanoj reiris en la tempo per enorma ventilatoro. Ili ekvojaĝis pro la eraro de la inventisto, kiu malbone kunigis la kablojn. Unue ili iris en Egipton. Ili estis surprizitaj kaj ankaŭ tre timis. Ili vidis piramidojn kaj la filinon de la faraono. Dum tiu tempo la inventistoj ne kredis al siaj okuloj, ke la maŝino malaperis, kaj ankaŭ ili tre timis. La maŝino iris ankaŭ ĉe la grekoj, kaj ili vidis Aleksandron la Grandan. Poste ili revenis, la maŝino ekmalfunkciis kaj finfine eksplodis. BUMM!

***Jen la fino, ĝis la revido!***



** Dankon al la gelernantoj de La Granda Ursino pro iliaj rakontetoj!*

# MENSE DENSE

Stefan MacGill

Revizio: Baldur Ragnarsson

### Vortklarigoj por la poemo

*nesti:* ensidi, kiel birdo en nesto.
*flegi:* prizorgi bone
*monotono:* manko de vario
*ekscesa:* troa
*putriĝi:* malboniĝi
*striki:* rifuzi labori aŭ funkcii
*mava:* malbona (neologismo)
*plado:* mendita manĝaĵo
*spagetiĝi:* ekesti malorda
*neŭrono:* cerba konektilo
*katapulti:* ĉirkaŭflugi

### Vortklarigoj por Emilerni

*monstro;* malbela estaĵo.
*improvizita:* tuj elpensita
*lento:* legomo simila al fabo, kiun egiptanoj ofte maĝis.

### Solvoj de enigmoj el 2009/1:

Familia krucenigmo, p 8: Parencaro kolektiĝas EN FAMILIA RONDO

Eta familia krucenigmo, p 13:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| | D | A | | |
| N | E | V | O | |
| E | ▨ | I | N | O |
| P | A | N | J | O |
| O | V | O | | |
| | O | | | |

Grava estas nia kapo,
cerbon gardas kontraŭ frapo;
ideujo cerbo estas,
kie niaj pensoj nestas.
Ĝin necesas zorge flegi
enirajôn saĝe flegi.

Ĝin vi gardu de ekstremo:
monoton´, ekscesa premo.
Ĝi putriĝas pro enuo,
sed krevas ĝi je superfluo.
Ambaŭ kazoj fuŝ-efikas
ĝis la mens´subite strikas.

Similas al manĝejo mava
kun servado manko-hava.
Rezulte de la pet' sendita
venas plado ne mendita!

Kiam tro ŝarĝatas mensoj
spagetiĝas enaj pensoj,
Mend´ĉe fork' neŭrona vagas...
...mise, trafik-lum´misagas.
Se tiel pensoj katapultas
kio en praktik' rezultas?

Kviz´- gajnaĵo mildolara,
jen demando, ŝajne klara:
"Lingvo Id´, el kiu fontis?"
Orelo al la cerb' transpontis,
respondo venis - katastrofo,
elkrias vi, ke "Zamenhofo!"


Emilo puŝas la universalan ligvigligilon...
UNIVERSALA LIGVIGLIGILO
*Helpu!* Du-kapa monstro!
*Helpu!* Kvar-kapa monstro!
De kie vi venas?
De San Francisko! De kie **vi** venas?
Mi, de Kvang Mi ne finis la rakontadon pri mia avo en la fliĝaj militoj; restu kaj aŭskultu!
Fliĝo? Fligo? Mi neniam certas!


Ha, tio estas mi antaŭ tri jaroj.*
Saluton, hodiaŭ mi volas instrui al vi kiel kuiri.
EMIL
POTO
PATO
Kaj mi volas instrui kiel kanti kune. Ni tre bele kantos improvizitajn egiptajn kantojn.
Jes, mi memoras. Post momento mi interrompos vin por instrui improvizitan kantadon...
...momenton! Tio ne estas mi! De kie venis tiu egiptano?
Hmmm. Kantu se vi insistas, sed ne ĝenu! Karaj legantoj, prenu ses ovojn, du karotojn, raspilon, poton...
Ovoj kaj karotoj? Pfhtuj! Ni kantu!
*Perfekta plado por egiptanoj Enverŝiĝu multaj lentoj Por gepatroj kaj infanoj la esencaj elementoj!*
Egiptanoj, zbrugoj kaj kuirejoj! Jen por kio utilas la universala ligvigligilo!
Lentoj!? Phtuj! Nemanĝeblaj!
KV102
Lernu manĝi tempomaŝinojn el Trabantoj!
Ĝi ligas tri tempojn kaj tri lokojn!


Kie ni estas?
Ni forlasis San Franciskon!
Kien malaperis la nebulo?
Kien malaperis la ebulon?
Den, ĉu vi neniam lernos regi la akuzativon!?
Mi ne komprenas kien foriris tiuj vojaĝantaj instruistoj
Ha! Bone! Saluton! Jen babil-partneroj!
Kiu mendis la bun-ĝiban salaton?
Jes, ili saltis en la lav-maŝinon kaj PUFF!
Ĉu salato por aztekoj?
Ĉu mendis ĝin afganoj?
Ne, por ni bif-stekoj!
Ne, nia pet' – bananoj
Mi ĵus rakontas pri mia avo en la fliĝaj militoj...
Sed ni estas pacistoj...
Esperantistoj! Lasu al ni informi vin pri nia mirinda, bela, internacia lingvo!
Pacistoj kaj spacistoj!
KV 118
Sed ĉu inter-planeda? Vi nun estas sur la planedo Kvang.
Ni subtaksis la universalan ligvigligilon.
Ĝi ligas *ĉiujn* lokojn kaj tempojn!
Ni havas dek ses belajn regulojn.
Regulo 14, el perspektiva varb-strategia vidpunkto sugestas...bla! bla! bla!
bla! ted', bla! ted' bla! ted' senesceptaj verboj, fonetika prononco, logika konstruo...
...damnindaj akuzativoj!
ZZZZZZ!!!!
Terura mikso. Kiel haltigi ĝin?
Ni puŝu la butonon denove!
Kial ne?
PUŜ!
Ĉu vere esperantistoj estas pli tedaj ol bunĝiboj? Ĉu la decido puŝi refoje la butonon estas saĝa? Eksciu en la sekva numero de *Juna amiko!*

# LA SIGNIFO DE BLUO

Kion signifas la blua koloro por vi?
Jen kelkaj respondoj. Sendu al ni viajn!

## Bluo = reĝeco kaj ĉielo

*Ni ligas la bluan koloron kun la ĉielo kaj* (almenaŭ en Eŭropo) kun reĝeco. Unu teorio por tio diras ke membroj de reĝaj familioj kutimis esti tre palaj, ĉar ili vivis ĉefe interne, havis apartajn dietojn, manĝadis per plumbaj teleroj kaj manĝiloj kiuj – sen ilia scio – estis venenigaj. Plie, ili fariĝis malfortaj pro malsufiĉa diverseco en elekto de siaj geedziĝ-partneroj. Do, la blua koloro de iliaj arterioj (precipe la virinoj) eĉ pli videblis ol tiuj de normalaj homoj, kiuj tipe devis labori forte kaj longe, ofte sub brilanta suno. Tiel kreskis la mito de 'blu-sanguloj', kun supozo ke reĝ-familianoj vere havas alikoloran sangon ol malreĝaj personoj.

## Bluo = konservativeco

En la politiko, la konservativaj partioj de la dekstro (kiuj subtenas tradicion kaj volas konservi aferojn kiel nun) uzas la bluan koloron. Same en la Eŭropa Parlamento. Tio eble ligiĝas al reĝeco, ĉar la monarĥioj estas ĝenerale tradiciaj. Kontraste, la progresemaj *partioj de maldekstro tendencas uzi la ruĝan* koloron. Perverse en Usono, kiam la grandaj televidaj kanaloj prezentas elekto-rezultojn ili uzas ruĝon por respublikanoj (konservativuloj) kaj blua por la demokrata partio (la centremaj ne-tiom-konservativuloj).

## Bluo en flagoj



1

Flago de nordeŭropa lando, kie okazis Universala Kongreso (UK) en 1995. Kiu estas la malblua koloro?



5

Flago de la sola lando en centra Eŭropo kun latinida lingvo. UK ĝis nun ne okazis en tiu lando. Kiuj estas la du nebluaj koloroj?

Kiuj aliaj landoj havas flagojn kun tri koloroj same aranĝitaj?

## El la bluo = surprizo

Kiam io estas tute ne atendita, oni diras en pluraj lingvoj, ke ĝi venas 'el la bluo' aŭ 'kiel fulmo-frapo el la bluo'. Inverse, se io neatendite malaperis, ĝi foriris 'en la bluon'.

Bl
Fr
Tr
Pa
ka
re
Bl
Bl

# Divenu la landojn kaj solvu la enigmon!



❷ Flago de mezorienta lando fondita en 1948 kun UK en 2000. Kiu estas la malblua koloro?



❸ Flago de sud-eŭropa lando kie naskiĝis demokratio. UK okazis tie en 1976.



❹ Nordamerika lando fondita en 1776, kie okazis UK en 1970. Kiuj estas la du malbluaj koloroj?



❻ Lando en la suda hemisfero kiu estas samtempe kontinento. Tie okazis la UK unuafoje en 1997.



❼ Flago de nordeŭropa lando, la najbaro de lando ❶. UK okazis tie en 1980. Kiu estas la malblua koloro?

Skribu la komenc-literojn de la landoj en ilia apero-ordo en la kestoj! Tiel vi povos kompletigi la sekretan frazon!

☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐ ☐

La blua koloro ________ en multaj flagoj!

## Bluaj trajnoj

Franca trajno "Le Train Bleu" ligis Parizon kun Nico kaj en Sud-Afriko renoma estas 'The Blue Train' aŭ 'De Blauwe Trein'.

## Bluo = malfeliĉo ☹

Senti sin blua, signifas esti malĝoja aŭ deprimita. Tuta muzika stilo nomiĝas 'bluzo' laŭ la angla pluralo 'Blues'. Tio naskiĝis en la sudo de Usono en la 30-aj jaroj kaj restas populara. Ĝi bildigas la malĝojon de sklaviĝintaj aŭ duarangaj civitanoj en la lukto por rasa egaleco.

## Fideleco

Oni ligas bluon kun fideleco kaj lojaleco. Bluo estas la plej alta rango en pluraj sportoj kaj konkursoj.

# KVIZO-LUDO

**Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio**

*Karaj kvizemuloj,*

*jen ni prezentas al vi la duan parton de nia ĉi-jara kvizo. Mi esperas, ke ankaŭ ĉi-foje vi trovos plezuron ĉe la ellaborado de la taskoj. Estas ĝojige, ke pluraj partoprenas jam dum jaroj. Tamen ni atendas, ke venos ankaŭ novaj legantoj inter la vicoj de kvizemuloj. Amike salutas:*

*Dieter Berndt*

**N-ro 2** (Limdato: 01-11-2009)

| | |
|---|---|
| 1 | Decidu, kie mankas artikolo ***la***. *1-an de julio mi vizitis ĉefurbon de Francio. Mi ne scias bone francan lingvon. Tamen vizito plaĉis al mi.* |
| 2 | Nomu 5 vestaĵojn, kaj ĉiu havu alian komencan literon. |
| 3 | Skribu frazojn, en kiuj troviĝas la vortoj: *ĉefe, ĉefa, ĉefo.* |
| 4 | Trovu la mankantajn vortojn. *Li estas __ diligenta __ ŝi, sed ŝi estas la __ diligenta __ ĉiuj.* |
| 5 | Kun ***m*** estas parto de vesto, kun ***p*** estas teruriĝo. *(Maria Molnár – HU)* |
| 6 | Ŝerca demando: *Kiu ĝin faras, ne volas ĝin. – Kiu ĝin aĉetas, ne bezonas ĝin. – Kiu ĝin bezonas, ne scias pri tio.* Kio estas tio? |
| 7 | El jenaj silaboj formu nomojn de tri birdoj. *ak, ci, de, de, du, ka, ka, kar, o, pi, tro* |
| 8 | Trovu la mankantajn vortojn. *lumo - okulo ; sono - __ ? / vino - glaso ; kafo - __ ? / aŭto - kvar ; motorciklo - __ ?* |
| 9 | Kie okazos (lando kaj urbo) la unua JES (Junulara Esperanto-Semajno)? *(M. Cuffez – BE)* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en iu sekva numero. Ne forgesu skribi vian nomon kaj landon! |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt (esperanto-berndt@web.de)* / Berolinastr. 2, DE-10178 Berlino, Germanio). Por vidi viajn poentojn vizitu la hejmpaĝon: *www.junaamiko.inf.hu*

## *SOLVO de la antaŭa n-ro (aprilo 2009), p. 40.*

**1**. ĝojis, kiam... antaŭa(j) jaro(j) travivis la feriojn... avino. ... ŝatis en malgranda kamero rigardi malnovajn aĵojn, kiuj tie troviĝis. **2**. Ekz.: Kaj ŝi kaj li volis tagmanĝi. **3**. malantaŭ, malantaŭ, post **4**. ... tiun eraron / tion eraro; ... min malamiko **5**. Diversaj. **6**. najbaroj; ligneron, trabon **7**. muso-muŝo; kulo-mulo; pulo-pumo; pego-pigo; rano-rato... **8**. Danubo – Vieno, Bratislavo, Budapeŝto, Beogrado **9**. Diversaj.

**La plej bonajn solvojn sendis:**

*M. Kolařová, CZ (19 poentoj); M. Molnár, HU (18 p.); E.E. Popoviciu, RO (16 p.); M. Picková, CZ (16 p.); Z. Stojanović, SR (16 p.)*

# Ezopaj respondoj

En pratempa Grekio (Helaso / Helenio) vivis Ezopo, mondfama fablisto. Sed li akiris gloron ne nur per fabloj, multaj laŭdis ankaŭ lian saĝon kaj eltrovemon. Pri tio atestas la suba rakonto.

En iu tago la mastro de Ezopo (Ezopo estis sklavo) ordonis al li: „Preparu al mi la plej bonan manĝaĵon de la mondo".

Ezopo aĉetis langon, kuiris kaj surtabligis ĝin.



– Ĉu vi kuiris langon? Pro kio? – demandis la mastro.

– Ĉar la lango estas la plej bona aĵo en la mondo. Ĝi diras veron kaj helpas per siaj konsiloj.

– Kaj nun preparu al mi manĝaĵon, kiu estas la plej malbona.

Ezopo denove aĉetis kaj kuiris langon por sia mastro.

– Ĉu denove lango? Hieraŭ vi diris al mi, ke ĝi estas la plej bona en la mondo.

– Ho jes, sinjora moŝto! Efektive, la lango estas la plej bona en la mondo, kiam ĝi diras la veron kaj helpas per konsiloj; sed ĝi estas la plej malbona, kiam ĝi mensogas, kalumnias aŭ malbenas.

El la rusa tradukis: *Elizabeta Rajtmár*

# Erich von Däniken

Li naskiĝis en 1935 en Svisio. Jam dum la gimnaziaj jaroj kun granda scivolemo li legis historiajn librojn kaj interesiĝis pri nesolvitaj enigmoj kaj misteroj. Poste li akiris meritojn pri la fondo de tiel-nomata spekulativa arkeologio, kiu baziĝas sur supozo, ke antaŭ miloj da jaroj nian Teron vizitis fremdaj inteligentaj estaĵoj el la kosmo. Laŭ-dire ili postlasis spurojn, kiuj respeguliĝas en mitologioj de praaj kulturoj. Ĉu eble ekster-teranoj (Dioj) venis el la kosmo por esti instruantoj de la tiam juna homaro?

Jam pli ol 30 jarojn la svisa aŭtoro estas survoje laŭ *Spuroj de eksterteranoj* aŭ *Reen al la steloj*. Li estas senlaca *Profeto de la pasinteco*, plena de *Rememoroj al la estonteco* (Temas pri titoloj de liaj libroj).

Por pruvi sian teorion li multfoje vojaĝis tra la mondo, studis malnovajn mitojn, sagaojn kaj legendojn. Li esploris antikvajn pentraĵojn en kavernoj, praajn skulptaĵojn, eĉ tutajn regionojn. Kaj li trovis! Ekzemple la gravuraĵojn en Andoj, kiuj estas videblaj nur de supre, – ĉu startejoj por kosmaj ŝipoj de Dioj? Ŝtona skulptaĵo en Gvatemalo estas laŭ li astronaŭto kun kasko kaj oksigen-boteloj sur la dorso. En siaj libroj li rakontas ankaŭ pri malnovaj landkartoj, kiuj povis esti faritaj nur laŭ fotoj el la aero, pri prahistoriaj aerodromoj, kies surteriĝaj vojoj estas eĉ hodiaŭ videblaj, pri atom-eksplodoj, kiuj okazis en antikvaj tempoj. En multaj bildoj kaj skribaj postlasaĵoj pri Dioj, venintaj (-antaj) per flugmaŝinoj el la ĉielo, von Däniken vidas pruvon pri tio, ke eksterteranaj astronaŭtoj surteriĝis antaŭ jarmiloj.

Von Däniken estas nur amatoro kaj tial liaj tezoj provokis multajn sciencistojn, kiuj volas pruvi, ke li eraras. Sed ofte ili ne povas prezenti aliajn, pli taŭgajn solvojn. Tamen li akceptas kritikojn kaj klarigas, ke li kelkfoje eraris. Li persone vizitis preskaŭ ĉiujn lokojn, pri kiuj li skribas, sekve li bone povas diskuti kun aliaj spertuloj.

Ĝis nun li verkis jam pli ol 30 librojn, kiuj aperis en pli ol 30 lingvoj. Li vojaĝas tra multaj landoj por prelegi pri sia laboro kaj ŝat-okupo. Eĉ se, en la vicoj de akademianoj, li havas tre multajn kontraŭulojn, li prelegas ankaŭ en konataj universitatoj. La studentoj ofte aplaŭdas lin starantaj.

Li neniun devigas kredi, ke ĝuste lia supozo estas la unusole ĝusta. Li nur prezentas sian objektivan taksadon, pri kiu ĉiu mem devas fari sian propran opinion.

*Dieter Berndt*

# Nestokestoj por birdoj

* * * * * * * * * * * * * * * * *

En finnaj lernejoj la instruisto pri *slojdo* ofte farigas nestokeston por birdo. Kiel materialon la lernanto bezonas breton kaj najlojn, kaj kiel laborilojn segilon, martelon, borilon. La instruisto konsilas, kiom granda la enflug-truo devas esti. Tio dependas de la birdospecio, kiun oni atendas. La keston oni devas povi malfermi por vintra purigado. Tiam oni eltiras la plankon de la kesto kaj forigas la restaĵojn de la somera nesto, aŭ oni malfermas la tegmenton aŭ unu muron.

Kompreneble la kesto pli utilas en la kamparo ol en urbo, sed ankaŭ en urbaj parkoj kelkaj birdoj ŝatas nesti en kesto. Fiera kaj feliĉa estas la lernanto, kies keston iu birdo akceptis kiel sian nestujon ekzemple en la ĝardeno de la geavoj.

Bildojn pri nestokestoj kaj birdospecioj oni povas trovi en la reto, ekzemple ĉe www.linnunpontto.com. Kvankam la paĝo estas finnlingva, ne malkuraĝiĝu, bildojn kaj fotojn komprenas ĉiu.

*Saliko*

Vidu p. 52 !

*slojdo:* metia manlaboro por lernejanoj / *specio:* bestoj devene proksimaj.

*kursiva:* ▶ literoj iom klinitaj dekstren kiel la ĉi-supra vorto.



Per simpla ŝanĝo de sola litero (ĝi estas presita dike kaj kursive) vi povas veni al nova senco-hava vorto. Se vi skribos ĉi tiujn literojn sinsekve, vi ricevos tutan frazon. Provu vian vorto-krean kapablon!

Atentu! Vi trovos eble vortojn, el kiuj estas formeblaj pluraj senco-havaj vortoj, kiel ekzemple:

*muro > mu**s**o, mu**ŝ**o, mu**l**o, mu**k**o, mu**t**o*

Ĉi-okaze helpos vin la senco de la frazo.

| | |
|---|---|
| ran***d***o | papa***g***o |
| ko***s***to | l***e***tero |
| s***u***ko | se***p*** |
| kor***p***o | ***k***apo |
| k***a***pro | v***e***ntro |
| ***h***undo | m***a***no |
| k***u***lero | pe***r***di |
| sa***m***a | pa***g***o |
| sali***k***o | k***a***ŝi |
| p***o***nto | vo***r***to |
| ve***ŝ***to | li***b***ro |
| m***a***rto | f***o***rmi |
| kie***n*** | |

Se vi venis al la solvo, sendu ĝin ĝis la 1a de novembro al s-ro *Dieter Berndt* (Germanio), kiu certe respondos al vi. Lia retadreso:

esperanto-berndt@web.de .



# Leĝo Du-Nulo-Kvar

Verkita de
*Frimpong Ampomah Badu,*
Aŭstralio

Antaŭ multaj jaroj, sur kampo de Afriko bestoj renkontiĝis. Tiu ĉi kunveno eble povus ŝanĝi la vivmanieron de la sovaĝaj bestoj. Leono, la reĝo, kunvokis ilin. Li bonvenigis la bestaron, dirante:

„Mi estas tre fiera pri nia amikeco, tamen ni devas fari ion por plibonigi nian landon", kaj li daŭrigis:

„La kialo de ĉi tiu kunveno estas, ke mi jam ricevis multajn plendojn pro malapero de niaj malfortaj geamikoj kaj precipe de iliaj infanoj. En la pasinta semajno niaj amikoj Antilopo kaj Zebro vizitis min petante, ke ni nepre faru ion pri la malaperadoj. Do ni estas ĉi tie por diskuti, kiel vivi en paco, kiam neniu estos ĉasata, kaj neniu estos ĉasanta."

Poste Simio salutis la bestaron kaj diris, ke post la malapero de la elefantido li ekdubis, eĉ perdis la esperon je la regno. Li opinias, do, ke devas ekzisti leĝo, kiu protektas kontraŭ tiuj, kiuj forprenas la idojn de aliuloj.

Ĝirafo tuj apogis la proponon de Simio.

Post kelkaj alparoloj, finfine, la bestoj interkonsentis, ke por ĉies paco ili akceptas la leĝon. Leono parolis tiel:

„Jen la leĝo Du-Nulo-Kvar. De nun ĉiuj, kiuj agos kontraŭ ĝi, estos ekzekutitaj! Do, ĉiuj bonvolu subskribi sian nomon kiel ateston pri la akcepto."

Ili ĉiuj subskribis krom Leopardo, al kiu ne plaĉis la leĝo, sed fine, ankaŭ li aldonis sian nomon.

•

Post kelkaj semajnoj Leopardo tre maldikiĝis pro malsato, ĉar li povis kapti nek birdojn, nek fiŝojn. Iun sun-brilan tagmezon Leopardo kuŝis sub arbo, ripozante en la ombro. Li ekdormis kaj lia buŝo malfermiĝis. Samtempe, Vesperto pendis sur la sama arbo. Kiam li vidis, ke Leopardo estas dormanta kun malfermita buŝo, li tuj rememoris la leĝon. Tial li decidis ludi en la buŝo de Leopardo. Vesperto flugis en lian buŝon kaj poste elflu-

gis. Tiel amuzis sin Vesperto. Kiam li flugis la trian fojon, Leopardo subite – eble senintence – englutis lin. Tamen Antilopo estis rigardanta ĉion, kio okazis, kaj li tuj kuris al la palaco por raporti.

Leono sendis Zebron por alvoki Leopardon kaj ĉiujn aliajn bestojn. Kiam ili kunvenis ĉe la palaco, Leono demandis al Leopardo:

„Kie estas Vesperto?"

„Mi ne scias", respondis Leopardo.

Leono diris:

„Ŝajnas, ke iu estas malaperinta, kaj ŝajnas, ke iu jam agis kontraŭ la leĝo Du-Nulo-Kvar. Simio, bonvolu, do, mencii la nomon de ĉiu besto en la regno."

Simio komencis voki la bestojn: „Leporo!" – Li kapjesis. „Rinocero!" – Li levis la kornon. „Ĝirafo!" – Ankaŭ li kapjesis. „Hieno!" – Li respondis. „Ŝakalo!" – Li kapjesis. „Hipopotamo!" – „Jen mi!", li diris. „Elefanto!" – Li levis sian rostron. „Bizono!" – Li kapjesis. „Antilopo!" – „Jes", li diris. „Gnuo!" – Li respondis.



„Leopardo!" – Li kapjesis. „Vesperto!"... „Vesperto!"... Neniu respondis.

Tiam Leono petis Simion ĉesi plu voki, kaj Antilopo rakontis ĉion al ĉiuj. Aŭdinte tion, Leopardo agnoskis la veron, ke li englutis Vesperton.



„Mi ne ĉasis lin, sed li ludis en mia buŝo!" Li klarigis, ke li neniam agis kontraŭleĝe. Li pardonpetis kaj deziris, ke oni ne ekzekutu lin.

Leono alvokis Elefanton, Hipopotamon kaj Rinoceron kiel juĝistojn bestajn por diskuti, ĉu Leopardo agis laŭ la leĝo aŭ kontraŭ ĝi.

Post longa diskutado la juĝistoj revenis por prezenti la decidon.

Rinocero diris, ke Leopardo agis por defendi sin, do li agis laŭleĝe.

Leono dankis ilin kaj diris:

„Se estas leĝo, kiu malpermesas nin ataki aŭ ĉasi unu la alian, tio ne signifas, ke oni rajtas uzi la buŝon de aliulo kiel ludejon."

*agnoski:* akcepti ies konstaton vera / *ekzekuti:* laŭleĝe mortigi iun / *gluti:* el buŝo tra gorĝo enigi ion en stomakon / *palaco:* luksa domego / *rostro:* longa nazego de elefanto, ekzemple.

# Dorlot-bestoj en Rusio



En pli grandaj rusaj urboj 53 elcentoj de la loĝantoj posedas dorlotbeston; en Moskvo la nombro de dorlotbestoj supozeble estas 4 milionoj. Rusoj amas siajn dorlotbestojn, kvankam multaj el ili eble ne havas monon por aĉeti multekostajn produktojn por siaj dorlotatoj.

En Eŭropo en la mezepoko oni bruligis katojn sur ŝtiparoj, ĉar oni kredis, ke ili estis diablaj; en Rusio oni ne tiel pensis. Katoj estis luksaj raraĵoj, oni laŭdis ilin pro ilia kapablo kapti ratojn kaj musojn. En kelke da jarcentoj ili fariĝis kutimaj loĝantoj en riĉaj kaj malriĉaj hejmoj, ĉe nobeluloj, komercistoj kaj terkultivistoj, en urboj same kiel en la kamparo. La plej konata rusa kato estas la "kato de lernado", deklamanta fabelojn en la fantaziolando Lukomorje de la nacia poeto *Aleksander Puŝkin*.

Hundoj ĉiam akompanis la popolojn de foraj regionoj de la Rusa Imperio. En la nordo troviĝis Lajka-hundoj kaj en Kaŭkazio kaj Azio diversaj paŝtistaj hundoj; en meza Rusio oni bredis kaj havis hundojn por ĉasado almenaŭ ekde la 11a jarcento: serĉhundojn, lupohundojn, kaj barzojoleporhundojn. Dum la kulmina periodo de servuteco la "prezo" de bonrasa ĉashundo povis esti tuta vilaĝo kaj ties loĝantoj. La vendanto de la hundo volis akiri la vilaĝon interŝanĝe.

Grandaj purrasaj hundegoj estis la privilegio de la rusa aristokrataro kaj riĉularo, sed en la 17a kaj 18a jarcentoj plioftiĝis rasoj pli facile endomigeblaj. En 1861 la abolicio de servuteco malebligis al multaj grandbienuloj pluteni siajn ĉashundarojn; tio kaj la revolucio en 1917 severe malhelpis la bredadon de ĉiaj hundoj en Rusio. Eĉ pli frue kelkaj rasoj preskaŭ ekstermiĝis, ekzemple la fama Medeljanhundego, kies fortoj sufiĉis por batali kontraŭ urson.

En la paseo rusaj riĉuloj kutimis havi ankaŭ ermenojn kaj ĉasfalkojn. Tiu reĝa ŝatokupo praktike ĉesis antaŭ la 20a jarcento. Tiam multaj urbanoj jam havis ĉe si kolombojn kaj kanariojn. En la soveta periodo dorlotbestoj eksplode pliiĝis dum la 1960aj-1970aj jaroj, tempo relative prospera. Katoj

kaj mezgrandaj hundoj enmodiĝis, same birdoj, akvariaj fiŝoj, hamstroj, musoj, testudoj, lacertoj - kaj ĉie videblis popularaj murtapiŝoj kun dolĉaj katidoj. Tiutempe la aĉetado kaj vendado de dorlotbestoj ofte okazis neoficiale kaj subĉiele en t.n. birdobazaroj. Tamen ekzistis ankaŭ oficialaj asocioj kaj kluboj de bredistoj de akvariofiŝoj kaj hundoj. La oficiala propagando de longe laŭdis la servohundojn de la soveta polico kaj limgardistaro.

La komencaj 1990aj jaroj, kiam okazis multaj post-sovetiaj ŝanĝoj, ne favoris dorlotbestojn. Kelkaj malriĉaj homoj forlasis siajn dorlotbestojn, kiujn ili ne povis manĝigi. Samtempe la novriĉuloj kaj gangsteroj fanfaronis pri siaj danĝeraj batalhundegoj kaj ekzotaj bestoj, kiaj ekzemple krokodiloj, konsiderataj kiel simboloj de rango. Estis nur unu problemo: ne plu prestiĝajn dorlotbestojn oni senkompate forlasis.

Hodiaŭ la nombro de dorlotbestoj en Rusio daŭre kreskas, kio klare rilatas al la pliboniĝanta ekonomia situacio de la lando. Pliiĝas servoj de bestkuracistoj kaj kreskas la merkato de manĝaĵoj por dorlotbestoj. Estas dirite, ke amo ne bezonas palacojn, sed la amo al dorlotbestoj postulas bonan zorgadon. Nun la rusoj ŝajnas kapablaj zorgi pri siaj dorlotbestoj pli bone ol iam.

*(Resume el anglalingva artikolo de Alisa Vinogradova en revuo de Aeroflot. Esperantigis Saliko.)*

---

*Noto de tradukinto:* en rusaj urboj mi vidis plurajn senhejmajn hundojn kaj katojn vagi en la stratoj kaj parkoj. Oni diris al mi, ke la leĝo malpermesas mortigi ilin. Kompatemaj homoj donas al ili restaĵojn de manĝaĵoj, metas tapiŝon sub arbuston, kie ili tranoktas en grupo por teni sin varmaj. Ne tuŝu tiajn hundojn: estas la danĝero de rabio. Pri Germanio mi legis en gazeto, ke oni fondis societon por helpi al homoj senlaboraj, kiuj ne plu havas monon por manĝigi siajn dorlotbestojn. La helpantoj provizas la nehavantojn per besto-manĝaĵoj.)

---

*abolicii:* jure neniigi / *akvario:* vitra akvokesto por fiŝoj kaj plantoj / *bazaro:* vendo-placo, -halo / *deklami:* artisme voĉ-legi / *diablo:* malanĝelo / *dorloti:* agi kun iu tre kareseme / *ekzota:* devenanta el tre malproksima fremda lando / *ermeno:* besteto kun nigra vosto-pinto / *falko:* rabo-birdo / *fantazio:* krea imago / *gangstero:* ano de kriminala bando / *imperio:* granda regno / *kulmino:* plej alta grado, pinto / *kultivi:* ter-kulturi / *paseo:* estinteco / *prestiĝo:* ŝatateco / *privilegio:* aparta plusa rajto / *rara:* valora pro malofteco / *servuto:* senpaga laboro al bienulo / *ŝtipo:* mallonga dika ligno-peco





# Horoskopo helpas

Kvin minutojn antaŭ la sepa sinjorino Parker jam la trian fojon rigardis al la pordo, sed ŝia ŝatata ĵurnalo *Daily Sun* ĉiam ankoraŭ ne venis. Ŝi intencis telefoni al la loka poŝt-oficejo por denove proponi al ili maldungi la gazetportiston, kiam fin-fine la ĵurnalo falis planken.

Ŝiajn tedajn ĉiu-tagaĵojn pliĝojigis la legado de la ĵurnalo. Ŝin precipe interesis la horoskopaj konsiloj. Ŝi estis 65-jara pensiulino soleca, enfermiĝema. Ŝia pensio estis sufiĉe malalta, kaj ŝi provis plialtigi ĝin tia-maniere, ke ŝi luigis la malgrandan ĉambron de sia loĝejo. La luantoj ne longe restis ĉe ŝi, ili malfacile toleris ŝiajn kapricojn. Sed s-ino Parker prenis la lu-prezojn por tuta jaro kaj se la luanto volis transloĝiĝi pli frue, ŝi ne redonis al tiu la tropagitan monon.

La ĵurnalo hodiaŭ estis malinteresa: militoj, ekonomiaj informoj, kelkaj murdoj. Feliĉe la astrologia rubriko de s-ino Agatha ankaŭ nun troveblas en sia loko. Ŝiaj konsiloj estas tre utilaj kaj veraj. Antaŭ du semajnoj, kiam denove ekdoloris la genuoj de s-ino Parker, ŝi rekomendis kuracadon per ŝlimo al tiuj, kiuj naskiĝis en la konstelacio Taŭro. Kaj s-ino Parker naskiĝis ĝuste tiam. Kun scivolemo ŝi legis la konsilojn por hodiaŭ:

„*Hodiaŭ amo certe evitos vin, sed bon-ŝanco eble ne. Profitu la eblecon. Se iu el iamaj konatuloj proponos al vi negocon, ne hezitu, akceptu la proponon. Sed atentu, ne donu al li pli ol 3000 dolarojn!*" Malkontenta ŝi iris en la kuirejon por prepari matenmanĝon.

Venis tien ankaŭ la luanto Thomas Cox, kiu timeme ekparolis:

– Kara s-ino Parker! Vi scias, ke mi loĝas ĉe vi jam kvar monatojn, kaj mi pagis por tuta jaro.

– Se vi volas transloĝiĝi, mi ne redonos vian monon, ja mi diris tion anticipe! – interrompis lin la dommastrino.

– Ho ne, temas ne pri tio. Mia amiko laboras ĉe borso, kaj li donis al mi tre bonan ŝancon. Por realigi tion mi bezonus 3000 dolarojn, sed domaĝe, mi havas nur 700. Ĉu vi povus prunte-doni al mi, por nur unu monato, 2300 dolarojn? Kompreneble, mi repagos al vi la sumon kun alta interezo.

– Nek unu vorton plu! Mi ne pruntedonos... sed mi volonte partoprenos en la negoco, se vi akceptas min.

Post dek minutoj Thomas Cox kun 2300 dolaroj en la poŝo, kaj kun teko, en kiu troviĝis lia tuta vestaro, forlasis la loĝejon de s-ino Parker... por ĉiam. Li estis kontenta kaj ne havis konscienc-riproĉon, li ja rericevis sian propran monon, kiun li antaŭpagis por tuta jaro. Hodiaŭ li forveturos, ĉar en malproksima urbo li ricevis tre bonan postenon. Antaŭ ol forlasi la urbon li iros adiaŭi siajn kolegojn.

*Elizabeta Rajtmár, Hungario*

Demandoj:

*Kio estas Thomas Cox laŭ sia profesio?*

*Kien li iros por adiaŭi?*

(Respondon vi trovas sur p. 48)

*astrologio:* arto, kiu studas kiel iu pendas de la aranĝo de steloj / *borso:* komercado per valorpaperoj / *ekonomio:* ŝparema mastrumado de regno, entrepreno... / *horoskopo:* ŝanco de persono laŭ aranĝo de stelaro / *interezo:* %a pluspago pro frukt-uzo de ricevita mon-sumo / *ĵurnalo:* ĉiu-taga gazeto / *kaprico:* subita neantaŭvidebla volo / *kolego:* sam-profesia kunlaborulo / *pensio:* monata mon-sumo pagata al ne plu laboranta salajrulo / *posteno:* ofico plenumata de iu / *ŝlimo:* akvo-moligita tero / *teda:* ne interesa, enuiga / *teko:* mane portebla ujo.

# Esperanto kaj mi



***Zsófia KÓRÓDY** (:Ĵofia Korodi)*
*Hungara Esperanto-instruisto, ĉefkunlaboranto de Interkultura Centro Herzberg (ICH) en Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo, Germanio.*

Mi ekkonis Esperanton dum mi estis studento en la filologia fakultato de ELTE-Universitato en Budapeŝto, Hungario. Serĉante studojn pri ĝenerala kaj aplikata lingvistiko mi hazarde trovis interlingvistikon-esperantologion. Tio estis amo je la unua rigardo! Esperanto montris sin al mi alloga, bela kaj logika. Mi rimarkis, ke tiu lingvo ne estas nur iu lingvoprojekto, analizebla, analizenda fare de sciencistoj, sed ekzistas tre interesa komunumo de ĝiaj parolantoj. Post

partopreno en mia unua IJK (Veliko Trnovo, Bulgario, 1978) esperanto-movado estas parto de mia profesia kaj privata vivo.

Mi fariĝis diplomita lingvo-instruisto de la angla, hungara kaj Esperanto. Por fariĝi pli kaj pli bona en la instruado de fremdaj lingvoj mi serĉis ĉiun eblon por spertiĝi, partopreni metodikajn seminariojn, fini postdiplomajn studojn. Jen listeto de mia agado kiel Espranto-instruisto: someraj kursoj por junularo, preparo de miaj gimnaziaj lernantoj al abiturienta ekzameno, preparo de gejunuloj kaj plenkreskuloj por trapasi ŝtatan lingvan ekzamenon, rektmetodaj (Cseh-metodaj) kursoj por internaciaj grupoj, semajnfinaj intensaj kursoj, rapidkursoj por dubemuloj, trejnkursoj, metodikaj seminarioj por Esperanto-instru(ist/ant)oj, ktp. Por mi ĉiu leciono estas nova defio, nova travivaĵo. Mi instruis kaj instruas en ĉiuj niveloj: de bazlernejo ĝis universitato.

Mi spertis ankaŭ, ke ne sufiĉas instrui Esperanton, ni devas ankaŭ organizi kunvenojn, klubojn, konferencojn, kongresojn por la parolantoj! En mia unua laborloko ĉe Hungara Esperanto-Asocio mi fariĝis respondeculo pri tutlandaj instru- kaj ekzamen-aferoj. La posteno estis kreita por mi – do granda defio! Same defia estis fariĝi vicprezidanto de TEJO, organizi ILEI-konferencon en 1981, kunorganizi IJK kaj UK en 1983 en Hungario, fariĝi patrino de du gefiloj kaj ekinstrui Esperanton en hejma medio. La plej novaj taskoj estas laboro en la estraro de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj), esti sekciestro kaj komitatano de la plej granda landa sekcio de ILEI (Asocio de Germanaj Esperanto-Instruistoj, AGEI), labori kiel rajtigita ekzamenanto por la UEA / ILEI ekzamenoj kaj ankaŭ kiel ekzamenanto ĉe ITK (Hungara Ŝtata Ekzamencentro). Mi estas membro ankaŭ de la nova UEA-komisiono, kiu prizorgas la novtipajn ekzamenojn de ITK / UEA laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro.

**Sed la plej granda ŝanĝo en mia vivo estis eklabori por Esperanto en Herzberg am Harz, Germanio: kunkrei tie la Interkulturan Centron (ICH) kaj la Filion de GEA por Klerigado kaj Kulturo. Mi ĝojas, ke mi povas instrui lokanojn kaj vizitantajn esperantistojn, gvidi kursojn ankaŭ en la urbaj lernejoj, eĉ doni lecionojn al la urbestro! La urbo ĝojas kaj fieras pri la vasta, multflanka agado de ICH: tio estis unu el la kialoj, ke en 2006 la urba konsilantaro decidis aldoni kromnomon al la nomo de la urbo: Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo.**

Pri niaj ofertoj, pri niaj rezultoj, ktp. bonvolu informiĝi ĉe ***http://ic-herzberg.de*** kaj ***http://esperanto-urbo.de*** .

# COMENIUS*-PROJEKTO:

## du-jara kunlaboro inter tri lernejoj kun financa subteno



La instruistoj



Komuna programo ĉi-printempe en Bar Hill, Britio

„Lingvoj kaj landoj" estas la titolo de tri-landa projekto ellaborita de Esperanto-instruistoj enkadre de la Lifelong Learning (Dumviva lernado) programo de Eŭropa Unio. Ĝi daŭras du jarojn kaj kunligas lernejojn el Britio (Bar Hill/Cambridge), Germanio (Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo) kaj Hungario (Miskolc).

La tri lernejoj kunagas laŭ antaŭe interkonsentita programo, kiu enhavas edukadon por amikeco, por respekto de diversaj kulturoj, lingvoj. Inter la celoj estas ankaŭ lerni Esperanton, kiu servas kiel internacia komunikilo, sed la 7-9 jaraj gelernantoj lernas iom ankaŭ la lingvojn unu de la aliaj. Salutado, sinprezento, kantoj, teatraĵeto en kvar lingvoj – tre amuze!

La subvencio por la projekto ebligas ankaŭ personajn renkontiĝojn ne nur de la instruistoj sed ankaŭ de la infanoj. La unua renkontiĝo antaŭ la vera komenco de la projekto oka-

zis en Herzberg am Harz en aŭgusto 2008: el Britio alvenis infanoj kun siaj gepatroj kaj pasigis kvin neforgeseblajn tagojn kun multe da interesaj programoj, vizitoj al najbaraj urboj kaj komuna ludado, lernado en la lernejo.

La unua tri-landa kunestado en Bar Hill (apud Cambridge, Britio) estis tre sukcesa: la hejme lernitajn kantojn, teatrajn scenetojn la grupoj prezentis kune al la publiko, kiu konsistis el la tuta lernantaro de la brita lernejo kaj multaj instruistoj, gepatroj.

Dum la 5-taga restado ĉiuj havis multe da travivaĵoj: la gastfamilioj bone prizorgis la infanojn kaj la gepatrojn, ekestis veraj amikecoj, bonetosa atmosfero. La komunaj ludoj, partopreno en la lernejaj instruhoroj donis ŝancon lerni unu de la aliaj kaj ekuzi la komunan lingvon, Esperanton en ĉiutagaj situacioj.

La plej memorindaj momentoj de la vizito tamen verŝajne por ĉiuj estis la ekskursoj al Cambridge kaj Londono. Dank' al la projekto ankaŭ tio eblis, ja inter la celoj aperas ekkono de landoj, urboj kaj naciaj kulturoj. Novaj aventuroj atendas la projektpartnerojn en oktobro 2009 en Hungario kaj en printempo 2010 en Herzberg – la Esperanto-urbo.

*Zsófia Kóródy*

* Comenius (1592-1670) mond-fama ĉeĥa pedagogo kaj teologo, kiu agadis por inter-fratiĝo de la homaro.

*atmosfero:* tio, kio ĉirkaŭas ion / *etoso:* spirita atmosfero / *financo:* monaj rimedoj / *partnero:* kunulo en la realigado de io / *programo:* tem-aro de aranĝaĵo / *projekto:* ideo, plano efektivigota / *subvencio:* mon-helpo, ricevita de ŝtato, urbo, asocio ktp.

# humuro

## el Buletini (n-ro 82, aprilo 2009)

Tradukintoj: *Imre Szabó* kaj *László Huszár*

– Kara Sinjoro Doktoro, mi apenaŭ aŭdas per mia dekstra orelo.
– Bedaŭrinde tion kaŭzas la aĝo.
– Sed ne provu kredigi al mi, ke la dekstra orelo estas pli aĝa ol la maldekstra.

– Pardonon, ĉu vi povus diri al mi, kiu estas la transa flanko!
– Tiu vid-al-vide!
– Nun mi jam vere freneziĝos! De tie ĵus oni sendis min ĉi tien!

– Bonan tagon! Ĉu vi havas or-fiŝojn?
– Jes.
– Po kiom ili kostas?
– Po kvar eŭrojn.
– Prefere mi petas arĝent-fiŝojn.

*marĉo:* tero duon-flua de akvo / *proponi:* rekomendi ion fari / *reklamacii:* protesti kontraŭ io / *ruino:* restaĵo de konstruaĵo malnovega / *pado:* promenvojeto / *stiri:* direkti veturilon



– Sinjoro Tajloro! Ĉi-semajne vi malfruis en la laboro jam la kvinan fojon. Ĉu vi scias, kion tio signifas?
– Ĉu estas jam vendredo...?



Steĉjo iras kun sia patro al ekskurso province. Ili ekvidas ruinojn de mezepoka fortikaĵo. Steĉjo almontras ĝin:
– Vidu, paĉjo! Ĉu panjo lernis la aŭtostiradon ĉi tie?



Ĉe fervoja stacidomo maljunulino klarigadas al ĵus alveninta turisto:
– Plej rapide vi atingos la fortikaĵon laŭ tiu pado tra la marĉo.
– Ĉu tra la marĉo? Ĉu ne estas danĝere?
– Ne timu, kara. Al multaj mi proponis jam tiun vojon, kaj neniu el ili revenis reklamacii.

# InterKultura Mondo

www.interkulturo.net

Rubrikestro: *Elena Nadikova*, Rusio
lena_espero@mail.ru

Saluton, karaj legantoj! Ĉu vi iam enpensiĝis, kiom da literoj necesas por skribi la nomon "Interkultura Mondo"? Ĝi estas longa, ĉu ne? Sed, se mi diras, ke sufiĉas nur 3 literoj, vi, certe, ne kredas. Tamen, estas vero. Eblas ĝin skribi per nur 3 literoj – ***IIK.*** Tio signifas: ***Internacia Infana Kongreseto*** – la plej grava kaj plej interesa ĉiu-jara aranĝo por infanoj de la tuta mondo. Ĉi-jare ĝi okazis en Pollando de la 25a de julio ĝis la 1a de aŭgusto. En la sama tempo, kiel ***UK – Universala Kongreso.***

La lando por du kongresoj – UK kaj IIK – estis elektita ne hazarde. Vi scias, ke Zamenhof – la kreinto de Esperanto – naskiĝis en Bjalistoko en 1859. Okaze de lia 150a naskiĝ-dato oni organizis la Universalan Kongreson – 2009 en tiu urbo. Kaj apud Bjalistoko okazis IIK en Eduka Centro "Bukowisko"de kvieta kaj komforta urbeto Supraszl. Por unu semajno ĝi iĝis familia domo por 37 infanoj el 14 landoj de Eŭropo, Azio kaj Ameriko. Junaj esperantistoj ariĝis por kune ĝui internacian, interkulturan etoson.

La programo de IIK-2009, dank' al ĝia ĉeforganizanto *Bert Schumann*, estis tre abunda. Okazis multaj ludoj, diversaj konkursoj, gajaj dancoj kaj diskoteko,




sportumado, internacia vespero. Ĉiuj aranĝoj estis amuzaj kaj interesaj. Kaj la partoprenantoj ĉiam estis kune: dum desegnado aŭ manlaboro, en kvizo-ludoj aŭ konversaciaj rondoj.

Dum Internacia Infana Kongreseto unua-foje okazis veraj Esperanto-kursoj. Ilin gvidis instruistoj el diversaj landoj: *Franciska Toubale* el Aŭstralio, *Lidia Nowak* el Pollando kaj mi, *Elena Nadikova* el Rusio. La kursoj estis organizitaj laŭ lingvaj niveloj: por komencantoj, progresantoj kaj flu-parolantoj. Ĉiu infano vizitis tiun grupon, kiun li / ŝi preferis. La instruistoj penis organizi la lecionojn pere de diversaj lingvo-ludoj. Ja estis ferioj, kiam amuziĝi estas pli plezure.

Allogaj estis ankaŭ diversaj sportaj aranĝoj, organizitaj de *Matthias Humet* el Belgio. Kaj dum ĉiu konkurso neniu estis venkita aŭ gajninta. Ĉiam venkis amikeco kaj gajnis nur Esperanto, kiu unuigas homojn. Mi ne dubas, ke ĉiu IIK-ano havas la saman opinion.

Ĉiu-vespere IIK-anoj – kaj infanoj kaj gvidantoj – kantis E-kantojn. Tio altiris la atenton de eĉ neesperantaj loĝantoj de la Eduka Centro. Finfine ili komencis interesiĝi, kio estas Esperanto. (Do, IIK iĝis bona reklamo por nia lingvo, ĉu ne?) Unu el la kantoj – "Bela Esperanto" – estis prezentita dum la Solena Fermo en la Universala Kongreso antaŭ preskaŭ du miloj da partoprenantoj. La gastoj akorde aplaŭdis al la junaj esperantistoj – dum ilia kanto kaj teatraĵeto "La Haro".



Dum IIK multis diversaj manlaboroj: teksado el papero, origamio, konstruado de paper-vestaj pupoj, farbado de vizaĝoj, kaj aliaj. Sed, verŝajne, IIK-anoj pleje memoras la faladon de gruoj. Estimata gasto el Japanio, *Satoo-san*, instruis, kiel el ordinara simpla papero eblas fari veran miraklon – malgrandan flugantan grueton. La faladon antaŭis filmeto pri Japanio. La nepino de Satoo-san, *Fuko*, rakontis kor-tuŝan historion pri japana knabino. En la fino de la dua mond-milito ŝi ricevis mortan dozon de radiacio. Kuracistoj promesis, ke ŝi resaniĝos, se ŝi faros mil papergruetojn. La malsana knabino sukcesis fari nur kelkajn centojn da gruetoj. Ŝi mortis, sed ŝia historio restis en la memoro de ĉiuj homoj. Kaj paperaj gruetoj iĝis alvoko, simbolo de paco. Dum la prezentado Fuko estis en bela japana vestaĵo – kimono. Per sia modesteco ŝi memorigis la heroinon de la malgaja historio pri paperaj gruetoj. La partoprenantoj de IIK lasis siajn pacmesaĝojn sur granda grize blua tolo. *Por memoro pri la knabino, kiu ne sukcesis fari mil papergruetojn. Por paco kaj amikeco en la tuta mondo.* Ja tio estas la ĉefa celo de Esperanto. Konforme al tiu ĉefa celo okazis ankaŭ prezentoj de aliaj IIK-anoj. *Teodora Butan* rakontis pri sia urbo Timisoara en Rumanio; *Joan* kaj *Andreu Gesti Franquesa* – pri Barcelono en Katalunio; *Dariusz Popiela* kaj *Lidia Nowak* – pri la vilaĝo Rdziostów apud Nowy Sącz kaj la urbo Góra en Pollando. Do, en unu loko renkontiĝis diversaj landoj, kulturoj, kutimoj... Estis vera interkultura etoso, ĉu ne?

Kaj ne endas forgesi pri la ekskursoj de la kongreseto, kiu ankaŭ aldonis interkulturan sperton al IIK-anoj. Ĝin preparis ĉiĉeronino el Bjalistoko, *Iza Walentynowicz*. Dum la ekskursoj la partoprenantoj de IIK konatiĝis kun Pollando, vizitis gravajn historiajn lokojn, ĝuis famajn vidindaĵojn de Supraszl kaj Bjalistoko kaj iliajn belegajn naturajn ĉirkaŭaĵojn, ŝippromenis tra la lago Rospuda, naĝis kaj eĉ akvo-skiis. La plej bona akvoskiisto inter ĉiuj IIK-anoj, eĉ plenkreskuloj, estis *Anna Lo Jacomo* el Nederlando. Sincerajn gratulojn, Anna!

Sed la plej grava kaj vere "internacia" ekskurso okazis, sendube, en Bjalistoko. IIK-anoj vizitis la naskiĝ-domon de Zamenhof kun belaj mur-pentraĵoj pri lia familio. Tie oni rakontis al la infanoj pri la vivo de la fondinto de Esperanto. Vidu la apudan bildon, kie IIK-anoj estas fotitaj apud la monumento de Zamenhof.



La Infanan Kongreseton finis tradicia internacia vespero. Dum ĝi sonis kantoj kaj poemetoj en diversaj lingvoj: Esperanto, pola, hispana, franca, rusa. Multaj IIK-anoj ludis diversajn muzikilojn: flutojn, violonon, gitarojn. Formiĝis eĉ internaciaj ensembloj. Kanadanino dancis temperamentan hispanan dancon laŭ la akompano de du gitaristoj el Hispanio kaj Nederlando. Du knaboj – el Nederlando kaj Katalunio – kantis kaj ludis gitarojn.

Do, malgranda kaj kvieta pola urbeto Supraszl iĝis vera ***Interkultura Mondo***. Tie renkontiĝis la reprezentantoj ne nur de diversaj landoj, eĉ diversaj mondopartoj: de Japanio, kie la suno leviĝas, ĝis Kanado, kie la suno subiras. Du sunoj renkontiĝis en unu loko, ĉu ne? Tio signifas, ke suno neniam subiras tie, kie renkontiĝas kaj amikiĝas homoj. ***Suno ĉiam estos tie, kie vivas Esperanto!***

**Vizitu nian hejm-paĝon, la kvizojn, la forumon, ktp. Anoncu vian grupon. Komparu vian vivon kaj kutimojn kun tiuj de aliaj grupoj en aliaj landoj kaj kulturoj. Malkovru la diferencojn kaj trovu ankaŭ tion, kio estas inter vi komuna!**

*akordo:* sameco de sentoj, opinioj / *ĉiĉerono:* gvidanto de turistoj / *dozo:* difinita kvanto da io / *ensemblo:* grupo kune ludanta / *gruo:* birdo-speco kun longaj piedoj kaj beko / *logi:* altiri per io agrabla, interesa / *miraklo:* mirindaĵo / *origamio:* speciala japana arto / *radiacio:* danĝerega radiado.

# LINGVA DOKTORO

## *Iom pri la uzo de akuzativo*

En la lasta n-ro ni prezentis kiel uzi akuzativon por esprimi rektan objekton en Esperanto. Tiam ni promesis daŭrigi la temon en la sekva n-ro.

Ĉiu scias, ke **n**-finaĵo servas ne nur por esprimi rektan objekton, sed per ĝi oni povas esprimi ankaŭ diversajn adjektojn, nome:

**Adjekton tempan**, kiu respondas la demandon: *kiam*? Ekzemploj: Tio okazis la *15an* de marto. Ni alvenos *sabaton*. Tempopunkton oni povas esprimi ankaŭ alie (Tio okazis *en* la 15a de marto. Ni alvenos *sabate / en sabato / [je sabato].*). Krom tempopunkto oni povas esprimi ankaŭ tempodaŭron, kiu respondas la demandon *kiom longe*? Ekzemploj: Ni pasigis en Pollando *dek tagojn*. *Tutan semajnon* ŝi gastis ĉe japana amikino. *Kelkajn jarojn* ni loĝis en tiu vilaĝo. Tempodaŭron oni povas esprimi ankaŭ per prepozicio *dum* kaj *en* (ĉi-lasta tiam, kiam oni volas esprimi, ke por fini, plenumi, solvi ion kiom da tempo necesis, ekz-e: Li solvis la taskon *en ses minutoj*.).

**Adjekton lokan**, kiu respondas la demandon: *kien* ? – Kien vi iras? – *Hejme**n***. / – *Bruselo**n***. / – ***En** la koridoro**n***. / – ***Sur** la podio**n***. / – ***Trans** la rivero**n***. / – ***Sub** tiu**n** arbo**n***. / – ***Antaŭ** la muzeo**n***. Sed se la prepozicio mem esprimas direkton aŭ celon kiel *al* kaj *ĝis*, oni ne devas uzi n-finaĵon (– *Al la ĝardeno*./ – *Ĝis tiu angulo*.). Tre atentu pri la diferenco inter *-o* kaj *-on* formoj. En la unua (-o-formo) io / iu jam troviĝas en la indikita loko (en la koridoro, sur la podio, trans la rivero...) en la dua (-on-formo) li / ŝi / ĝi / ili ankoraŭ ne estas tie, sed celas tiun lokon.

**Adjekton mezuran**, kiel en la esprimoj: Li estas *174 centimetro**jn*** alta / *17 jaro**jn*** aĝa / *53 kilogramo**jn*** peza. La paŭzo estos *15 minuto**jn*** longa. La rivereto estas nur *3-4 metro**jn*** larĝa kaj ĉirkaŭ *1 metro**n*** profunda. Li stumblis *tri paŝo**jn*** antaŭ la pordo. La akcidento okazis *kelkajn kilometrojn* de tie.

Se en via gepatra lingvo mankas akuzativo, aŭ ekzistas, sed ĝi ne estas uzata en ĉiuj supre prezentitaj formoj, per multaj ekzemploj vi devas fari plurajn ekzercojn por aŭtomatigi ilin.

*Geza Kurucz*

Árpád Rátkai

# Bildoj el la historio de ESPERANTO ⑩

## X. Esperanto en la laborista movado

Antaŭ la Granda Milito la modernaj socioj estis tre dividitaj laŭ sociaj klasoj. La ĝeneralaj aŭ neŭtralaj (burĝaj laŭ la socialdemokratoj) sociaj organizaĵoj ne povis altiri la malriĉajn sociajn tavolojn. Tial en la socialdemokrata movado unu post alia estiĝis diversaj kulturmovadoj: korusaj, muzikaj, teatraj, naturamikaj ktp. Inter ili aperis ankaŭ esperantistaj rondoj kaj landaj organizaĵoj. Post la milito ili tre rapide reorganiziĝis kaj en la dudekaj jaroj la laborista esperantista movado jam estis pli granda ol la neŭtrala.

La formiĝo de laboristaj esperantistaj grupoj disvolviĝis 15-20 jarojn post tiu de la neŭtralaj grupoj. La unuaj fondiĝis tie, kie la socialdemokrata movado havis fortan bazon: *Stokholmo* (1903 kaj 1905), *Frankfurto* (1905), *Parizo* (1905), *Amsterdamo* (1907), *Hago* (1907), *Berlino* (1908), *Dresdeno* (1908), *Hamburgo* (1908), *Kopenhago* (1908), *Budapeŝto* (1910), *Vieno* (1912) ktp.

Ĝenerale post la kreo de kelkaj lokaj kluboj sekvis la fondo de landa asocio. La unuaj estis Brita Ligo de Esperantistaj Socialistoj (1907), la ĉeĥa Laborista Esperantista Asocio (1911), Nederlanda Federacio de Laboristaj Esperantistoj (1911) kaj Germana Laborista Esperantista Asocio (1911). Ĉi lasta post du jaroj estis la plej granda kun siaj 1400 membroj en 70 grupoj. Estiĝis ankaŭ laborista esperantista gazetaro. Tiu ne nur laŭlande kun la asociaj novaĵoj, sed ankaŭ *Internacia Socia Revuo* kun teoriaj kaj politikaj studoj, eldonante ankaŭ libroserion. Kun siaj lingve kaj enhave altkvalitaj artikoloj kaj 636 abonantoj montris la forton de la laborista movado. La plej multaj abon-



Hungaria Esperantista Societo Laborista en Szeged (

antoj estis en Germanio, Britio, Francio kaj Aŭstrio.




La Granda Milito 1914-1918 rapide detruis la atingojn de la organizîgo, kaj la esperantista agado preskaŭ tute ĉesis. Ĝi revigliĝis nur post 1917, sed tre impete. La restarigo de landaj asocioj estis rapida, fondiĝis ankaŭ novaj kaj eĉ internacia, kiel *Sennacieca Asocio Tutmonda* (SAT). Multobliĝis la nombro de la esperantistoj. Lernado de Esperanto en la dudekaj jaroj iĝis vera amasmovado.

La esperantista vivo koncentriĝis en la tiel nomataj laboristaj hejmoj, kulturcentroj de la socialdemokrataj partioj kaj la sindikatoj. Tion respegulis jam ankaŭ la beletro, i. a. la romano *Maria kaj la grupo* (1936) de Imre Baranyai. Ĝi temas pri la vivo de esperantistoj en Budapeŝto, kie pluraj Esperanto-grupoj funkciis, simile al Berlino, Parizo kaj aliaj grandaj urboj. Sed baldaŭ, en la tridekaj jaroj, la ŝanĝiĝo de la politiko estis defio kaj por la neŭtrala kaj por la laborista E-movadoj.


*...ungario), 1925*



## DEK SES PIEDETOJ

*(Aludo al la fama verko de Marjorie Boulton „Dek du piedetoj")*

Mi loĝas ĉe miaj katoj! Jes, mi havas kvar katojn... sen kalkuli pri la katoj de la najbaroj!

Kiel tio okazis? Kiam mi translokiĝis antaŭ dek jaroj, mi konatiĝis kun la najbarino, kiu diris al mi: „Vi forlasis la urbon kaj nun loĝas en kamparo... Estus bone, se vi havus katon, ĉar estas multaj ronĝuloj en la apudaj herbejoj kaj arbaretoj..." Fakte, mi jam havis okazon konstati, ke muso eniris la provizejon kaj damaĝis varojn. Post kelkaj semajnoj la najbara filino alportis katidon. Mi ŝatas bestojn. Tiu karesema kaj ludema ido ravis min. Ve! Post kelkaj monatoj ĝi estis morttrafita de aŭtomobilo. Sekve de tio, mi „adoptis" du katidojn, por ke almenaŭ unu el ili restu viva! Poste du aliaj katidoj invitis sin al ni.

De tiu tempo mia vivo ŝanĝiĝis. Antaŭe la mastrumado estis facila.

Ĉar la katoj perdas harojn, mi formetis la tapiŝojn... en la subtegmenton. Ĉar ili havis emon pensi, ke mi estas pordistino, mi provizis pordon kun katotruo, sed

*Daŭrigo sur paĝo 50.*



# Tundra lupo

Tundra lupo vivas en malvarmaj regionoj, en malgrandaj familioj. Ilia karakterizaĵo estas la tutjare blanka felo. Ili manĝas ĉion: grandajn ĉas-bestojn, malgrandajn mam-bestojn, eĉ kreskaĵojn. Ili estas bonegaj ĉasantoj. La lupoj interrilatas unu kun la alia per tipa kriego, inter ili regas rigora rang-ordo. La domina paro rajtas reproduktiĝi. La ino fosas lupejon, kie ĝi naskas siajn idojn. La gepatroj kaj aliaj anoj de la grupeto partoprenas en la prizorgado de la idoj.

*Katalin Perczel-Szabó*

***Ĝustaj respondoj*** *(paĝo 37)*

**Li estas ĵurnalisto kaj redaktis la rubrikon de sinjorino Agatha.**
**Li iros en la redakciejon de Daily Sun.**

**Se vi respektas la naturon, sen kiu ni ne povas vivi, ne forgesu preni forĵetitan**
**RUBAĴETON ĈIU-TAGE !**

# VERDA PAĜO

## Kiel eliri el lingva diskriminacio?

**Scivolulo**: Bonvolu helpi min, kara Ĉiosciulo.

**Ĉefkomputila moŝto**: Tre volonte. Kion vi ne komprenas, amiketo?

S: Hieraŭ en la klaso mi aŭdis, ke la multlingveco ne plu estas garantiebla, ĉar ĝi kostas tro multe kaj la ekonomia krizo urĝe postulas raciajn paŝojn.

Ĉ: Sendube, oni devas ŝpari kaj ne elspezi superflue grandegajn sumojn.

S: Ankaŭ vi trovas, do, justa kaj demokratia, ke unu lingvo estu distingita, levita super ĉiujn ceterajn.

Ĉ: Ĉio dependas de la lingvo.

S: Mi pensis, ke vi – kiel demokrato – konsideras la lingvojn egalaj, ne distingas inter ili laŭ tiu aŭ alia propreco.

Ĉ: Se temas pri naciaj, etnaj lingvoj mi vere ne distingas inter ili. Tio estus grava eraro, ja ili ĉiuj egale bone servas sian komunumon, la uzantojn, kiuj denaske esprimas sin per ili.

S: Vi diras tion, kion mi opinias kaj pro kio oni priridis min hieraŭ. Kial vi diris do, ke oni devas ŝpari ankaŭ ĉi-terene? De jaro al jaro oni spertas, kien kondukas la ŝparado. Pli kaj pli da malgrandaj popoloj perdas sian lingvon.

Ĉ: Fakte, bedaŭrinda afero, ĉar kun la lingvo perdiĝas ankaŭ la kulturo de la koncerna popolo.

S: Kion do fari, se nek multlingveco, nek unulingveco estas akceptebla?

Ĉ: Kontraŭe. Ili ambaŭ estas akcepteblaj kaj apogendaj.

S: Ĉu vi ne rimarkas, ke vi kontraŭdiras al vi mem?

Ĉ: Tute ne! Mi estas certa pri tio, ke por supernacia komunikado necesas unu lingvo, komuna por ĉiuj popoloj, sed en vera demokratio tiu lingvo ne povas esti nacia lingvo, ĝi povas esti nur neŭtrala pontlingvo, kiu funkcias jam 122 jarojn, sed oni intence silentas pri tio.

S: Kial?!

Ĉ: Ĉar regnoj kun lingvoj aspirantaj je supernacia uzado, ne volas permesi la aperon de vera rivalo. Ili tre multe perdus pro tio. Ili silentas do pri la ekzisto de Esperanto, aŭ – se ne ĉiam eblas prisilenti ĝin – nomas la lingvon mortinta artefarita lingvaĉo, absolute maltaŭga por supernacia uzo, malgraŭ ke multaj scienculoj asertas la malon.

S: Tio estas stultaĵo, ĉu ne? Ni devas almenaŭ eksperimente provi ties enkondukon por supernacia komunikado, kaj protekti per ĝi la naciajn kulturojn, kaj doni egalecan aliron por ĉiuj nacioj, ĉu grandaj, ĉu malgrandaj, ĉu riĉaj, ĉu malriĉaj.

Ĉ: Vi vidas la aferon ĝuste. Mi tute konsentas kaj samopinias.

*Komenco sur paĝo 47.*

ili daŭre provas konvinki min, ke mi estas je ilia servo! Kiam pluvas, ili ne purigas al si la piedojn antaŭ ol eniri! Sed... kiam mi laboras en la ĝardeno, ili akompanas min kaj pacience kunrestadas. Ili estas karesemaj kaj ve!, ili alportas donacojn: musojn – foj-foje ankoraŭ vivantajn –, lacertojn... Operaciitaj ili ne povas naski idojn. Feliĉe! Kvar sufiĉas!

La plej aĝa kato ne povas toleri, ke la plej juna provu ĉefi. Do foj-foje okazas „koncerto". Ili ambaŭ miaŭegas por superi la alian kaj evidentigi, ke ĝi estas la mastro! Ne malofte okazas, ke unu el la katoj petolas: kun ark-forma korpo ĝi kuras tra la ĉambro kaj ŝajnigas batalon, aŭ embuskas malantaŭ pordo por salti sur la dorson de alia kato kaj ekestas senfinaj kuradoj kaj lud-bataloj!

Jes, vere, mi pensas, ke io mankus en mia vivo, se mi ne havus tiujn friponetojn!

*Jean Monique Noël, Francio*

*adopti:* laŭleĝe alpreni kiel sian fil(in)on / *aludi:* direkti atenton al io / *embuski:* resti kaŝita por ataki nerimarkite / *fripono:* ruza trompulo / *karesi:* delikate, am-plene tiri manon sur haŭto aŭ felo / *koncerto:* muzika kunveno / *lacerto:* serpento-simila besteto kun 4 piedoj / *miaŭi:* bleki kate / *muso:* griza besteto, kiun katoj ĉasas / *operacio:* kuracista tranĉado / *provizo:* materialoj necesaj en mastrumado / *ravi:* kapti anime, entuziasmigi / *ronĝi:* diserigi per dentoj.

***KOLIBRIDO*** *(el la gazeto „Zunzún" por infanoj de Kubo)*

*aŭtoro:* verkisto / *baj, baj:* ripetante tiun vorteton oni dormigas idon / *kolibro:* birdeto; vidu ĝin ĉi-sube / *rato:* besto; granda musego.

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio), *Eric Nsabiyumva* (Burundio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario).
Presita kunlabore kun **Presejo Saluton**, Budapeŝto, Hungario.
**Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre)
**ISSN 0230 1318**
**La sekva numero aperos en decembro**

# KOLIBRIDO




Aŭtoro: Ernesto Paaron

Tradukis: José de J. Campos

